# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ



# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**kun literatura aldono**

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**

*Ni laboros por Esperanto.*

CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA. SÍDLO: PRAHA I. 342. KAVÁRNA „UNION". KANCELÁŘ A UČEBNA: II. VODIČKOVA ULICE 38. REDAKCE REVUE: II. DITTRICHOVA ULICE 7.

**Členové klubů sdružených v „Ústředním Svazu Bohema Unio Esperantista" a těch, které za jeho součinnosti se ustavují, dostávají tuto revui za roční předplatné K 2·50 prostřednictvím pp. jednatelů.** Roč. I.—IV. pro členy B. U. E. po K 2·20.

*Klub Esperantistů v Praze („U Donátů") dává svým členům tuto revui zdarma.*

**1911. LISTOPAD, PROSINEC — NOVEMBRO, DECEMBRO. V. 9., 10.**

| | | |
|---|---|---|
| **Roční předplatné: 3 K.** | Roč. I.—IV. po K 2·50. | **Cena tohoto dvojčísla s přílohami: 60 hal.** |

# Časopis Českých Esperantistů
# Bohema Revuo Esperantista

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně **3 K** pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů“, Praha II.-2023, Dittrichova ul. 7. Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost. Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (**Fr. 3·75** = 1·50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata laŭ adreso:

**„Časopis Českých Esperantistů“ en Praha II.** (**Bohemujo - Aŭstrio**). II.—2023. Dittrichova ul. 7.

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskripton por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj prefere akceptataj.

Účet poštovní spořitelny 93.281.


*   *



## OBSAH — ENHAVO:



## UPOZORNĚNÍ!

**Tímto dvojčíslem končí V. ročník. První číslo ročníku šestého vyjde kolem prvního ledna a další čísla budou rovněž vydávána na začátku měsíce. Všem předplatitelům jest zaslán s tímto číslem složní list poštovní spořitelny a žádáme, aby lask. zaslali nám předplatné 3 K pokud lze nejdříve, abychom mohli stanoviti náklad nového ročníku. Vynasnažíme se vyhověti všem přáním, která nám budou zaslána a která se týkají zdokonalení naší revue.**

*Redakce.*

*N. B.* **Sleva** *spolkům B. U. E. při hromadných objednávkách:* ***Místo*** *3 K pouze K 2·50 (splatno měsíčně nebo předem na celý rok).*

*Ant. Jakeš:*

# LA VII. INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO EN ANTVERPENO.

**20.—27. de Aŭgusto 1911.**

La nombro da gastoj, kiuj, akceptinte la inviton de niaj belgaj samideanoj, alvenis por partopreni la „Sepan", superis nunjare ĉiun atendon. Neniu kongreso esperantista estis ankoraŭ vizitita de 1734 personoj, kiuj tiun ĉi fojon reprezentis 34 naciojn kaj landojn. El Aŭstrio partoprenis 34 gastoj (ses Bohemoj), el Germanujo 218, el Britujo 623, el Francujo 407, el Rusujo 30, el Svisujo 37, el Usono (U. S. A.) 47, kaj kelkdekoj reprezentis la ceterajn landojn eŭropajn eĉ transmarajn (Hindujon, Koŝinĥinujon, Ĥinujon, Kubon, Transvalon, Turkujon, Uragvajon, Kanadon, Brazilion k. a.). Laŭ tiu ĉi statistiko oni trovas, ke la ĉeestantaro estis vere multlingva, internacia.

Kvankam la kongresaj festoj komenciĝis nur sabaton, la 19-an, tamen jam multe pli frue regis viva tumulto en la akceptejo lokita en la vasta reĝa Ateneo, donita de la urbo al la dispono de la kongreso.

Sabaton frumatene alvenis nia Majstro Dr. Zamenhof kun sia edzino, kiuj tiom pli ĝoje kaj entuziasme estis salutataj, ĉar ili nur en la lasta momento decidiĝis ekveturi al la kongreso. La saman tagon posttagmeze estis la Majstro kun kelkaj eminentuloj esperantistaj akceptita en la urba domo, kie estis prezentita honora vino. La urbestro prezentis al Majstro artistan pokalon kaj al s-ino Zamenhof la simbolajn antverpenajn rozojn. La doktoro dankis en Esperanto. La urbestro invitis lin poste, ke li kaj la alilandaj delegitoj enskribu siajn nomojn en la oran libron de la urbo; tio okazis sub inspekto de la urba arĥivisto s-o Van den Bramden. En tiu tempo eĥis tra la vastaj haloj de la urba domo la majesta himno esperantista.

Dum la tuta kongresa semajno estis nia Majstro, kie ajn li sin montris, entuziasme salutata de la kongresanoj eĉ de la antverpena loĝantaro mem.

Veran artistan ĝuon donis al la gastoj la londona klubo de Esperantistoj-vagabondoj (amatoroj-artistoj) per sia koncerto prezentita sabaton vespere. La belega kaj vasta flandra operejo estis plenplena de aplaŭdantaj aŭskultantoj, kiuj admiris la artguste elektitan programon.

Dimanĉon matene katolikoj kaj protestantoj havis okazon aŭdi siajn diservojn en Esperanto. Posttagmeze la kongresanoj renkontiĝis en la zoologia ĝardeno kaj tie komenciĝis la vera kongresa vivo. Malnovaj amikoj retrovis unu la alian, ĝojante pri la revido, dum la novaj kongresanoj serĉis interrilatojn kun aliaj gesamideanoj, por ke ili dum la venonta kongreso havu la saman ĝojon kiel la unuaj. Seninterrompe la agrablaj interparoladoj zumis tra la vasta ĝardeno. Vespere oni denove, kiel poste ankoraŭ kelkafoje, kuniĝis en la flandra operejo, donata senpage al dispono de la kongresa komitato por la tuta semajno.

La unuan fojon en tiu ĉi kongreso nia Majstro estis inter sia anaro. Grandega salutaplaŭdo aŭdiĝis, kiam li kun sia edzino antaŭ la komenco eniris en la honoran loĝion en la unua etaĝo. kaj entuziasme la ĉeestantaro kantis la „Eperon“. Tuj poste eksonis la belga himno, ludata de orkestro sub direktado de Dr. W. Van der Biest.

Estis prezentataj tri unuaktaj teatrajoj: „Devo de reĝo“, „Por kvietaj personoj“ kaj speciale por tiu ĉi kongreso de Dr. Van der Biest skribita komedio kun kantoj „La Revuo de la Sepa“. Tiu ĉi „Revuo“ estis vere okazintaĵo de la vespero. Ĝi estis ludata de preskaŭ cent interpretantoj el diversaj landoj. La aŭtoro en ĝi karikature tre sprite kaj trafe aludas la nunan staton de Esperanto kaj de esperantismo. La ĉeestantoj per ofta aplaŭdado tute konsentis kun la ideoj en ĝi esprimitaj. Precipe la interpretantoj de la unua teatraĵo s-ino Carew (reĝino), kiu talentplene plenumis sian rolon kaj s-o Vandervelde (reĝo) estis multfoje revokataj sur la scenejon.

Lundon, la 21-an, komenciĝis oficiale la kongreso. Antaŭtagmeze okazis kunvenoj de diversaj nacioj, por ke oni elektu siajn reprezentantojn, kiuj estis salutontaj la kongreson en la malferma kunveno. Posttagmeze je la 3-a okazis la multe atendata solena malfermo de la kongreso. Jam longe antaŭ la tria la granda halo de la reĝa zoologia societo pleniĝis. Ĉiun trapenetris la solena, neesprimebla sento de entuziasmo, kiu pligrandiĝis kaj aŭdiĝis, kiam eniris en la ĉambregon nia Majstro kun la eminentularo. La ovacioj estis senfinaj. Sur la estrado oni vidis krom aliaj la urbestron s-on de Vos, la hispanan kaj ĥinan konsulon. la tutan Sepon por la Sepa, generalon Sebert, rektoron Boirac, D-ron Yemans (vicprezidanton de la Sesa), kapitanon Perogordo k. t. p. k. t. p.

La kunsidon malfermis Dr. Yemans kaj proponis la jenan estraron: kiel prezidanton s-on Van der Biest-Andelholf; kiel vicprezidantojn: s-ojn O. Van Schoor kaj L. Delvaux; kiel sekretariojn: s-ojn G. Chavet kaj Dr. W. Van der Biest.

La prezidanto dankas por la elekto kaj bonvenas per kelkaj vortoj la kongresanojn. Post li salutas flandre la urbestro s-o de Vos. Interalie li diris, ke la unua sento ĉe la naskiĝo de la propagando de internacia lingvo estas sento de timo. Sed tiu timo foriĝis, ĉar nun oni komprenas, ke Esperanto ne estas celo, sed perilo: ĉiu konservu sian lingvon por esprimi siajn ideojn, sed oni uzu la mondlingvon, kiam oni volas interrilati kun alilingvanoj.

Poste leviĝis Doktoro Zamenhof kaj lin salutis, kiel diras la flandra ĵurnalo „Het Handelsblad", tia aklamado, ke certe oni malofte similan aŭdas; ĝi ne plu estis nura entuziasmo, ĝi estis flamo kaj fajro. Jen la esenco de lia parolado:

Li proponas sendi salutan telegramon al la belga reĝo, kiu estas protektanto de la kongreso kaj al prelato Johann Martin Schleyer, aŭtoro de Volapük, okaze de la okdekjara datreveno de lia naskiĝo, kaj diras:

„Li estas vera patro de la tuta internacilingva movado. Antaŭ li oni ankaŭ revis pri lingvo internacia, oni provis labori por ĝi; sed tio estis nur teoriaj skizoj, palaj, senkorpaj fantomoj en la regiono de revoj. Li estis la unua, kiu diris al si: por lingvo internacia mi volas ne revi, sed labori; dum ĉio ĉirkaŭe dormis, li estis la unua, kiu praktike kreis la internacilingvan movadon, Volapük ne estis venkita de Esperanto, kiel multaj personoj pensas tute erare; ĝi pereis per si mem en tiu tempo, kiam la trankvile kaj senartifike laboranta Esperanto estis ankoraŭ tro malforta, por iun venki; ĝi pereis ne pro sia stranga sonado, aŭ pro aliaj similaj kaŭzoj, ĉar al ĉio oni povas alkutimiĝi, kaj kio hieraŭ ŝajnis sovaĝa tio morgaŭ aperas kiel io tute natura kaj bela: per longa kaj multespeca uzado eĉ la plej sovaĝa idiomo de la plej barbara gento iom post iom fariĝas riĉa, eleganta kaj oportuna lingvo.

Volapük pereis ĉefe pro unu grava eraro, kiun ĝi bedaŭrinde enhavis: absoluta manko de natura evolucipovo; kun ĉiu nova vorto aŭ formo la lingvo devis konstante dependi de la decidoj de unu persono aŭ de facile inter si malpaconta personaro. Kiel sur bastono plantita en teron, novaj branĉoj kaj folioj ne povis nature kreski sur ĝi, sed devis esti konstante skulptataj kaj algluataj. Se ne ekzistus tiu eraro, kiun korekti oni bedaŭrinde ne povis, Volapük neniam pereus kaj ni ĉiuj nun verŝajne parolus volapüke. Sed tiu bedaŭrinda eraro, kiun kaŭzis ne manko de talento kaj de laboremeco, sed nur tro rapida publikigo de la lingvo, sen sufiĉe matura elprovado, — tiu eraro, kiu pereigis Volapükon, neniel malgrandigis la meritojn de ĝia aŭtoro, kiu la unua potence skuis la mondon por nia ideo; la grandaj meritoj de Schleyer en la internacilingva historio neniam malaperos."

En la dua parto de sia parolado la Majstro fluge tuŝis „la demandon de „reprezentantaro“, petante: „kion ajn vi decidos — ni ne fermu nian kongreson antaŭ ol ni en tia aŭ alia formo faros ian aranĝon, kiu donos al ni la eblon almenaŭ unu fojon en jaro solvi ĉiujn kolektiĝintajn disputojn aŭ dubojn en lojala interkonsento kaj konforme al la vera deziro de la tuta esperantistaro.“

Kaj li finis per jenaj vortoj: „Ni komencu nian feston kaj ankaŭ niajn laborojn, al kiuj ni dediĉu nian plenan atenton kaj senpartiecon. Se el niaj laboroj rezultos la enkonduko de preciza ordo en nian aferon, tiam la kongreso Antverpena estos unu el la plej gravaj inter niaj kongresoj. Tion ni esperu. Ĉiu el ni havu la firman decidon helpi per ĉiuj fortoj al la enkonduko de ordo kaj forigo de ĉiu malpaco en nia afero. Kun tiu firma kaj solena decido en la koro ni kriu: vivu, kresku kaj floru nia afero!

Post tiu ĉi parolado, kiu estis entuziasme akceptita, sekvis salutoj de la reprezentantoj de diversaj ŝtatoj kaj urboj kaj de diversaj nacioj. Unue dum viva aplaŭdo s-o Chavet, kiel ĝenerala sekretario, legas telegramon de Sir T. Vezey Strong, Lord Mayor de Londono: „Tutkoran saluton al la kongresanoj, plej bonajn dezirojn por la tutmonda disvastigado de Esperanto kaj altan respekton al ĝia fondinto.“ Alia interesa telegramo estas sendita de la Dua Internacia Kongreso de Katolikoj, ĵus okazinta en Hago, en kiu partoprenis 300 anoj el 15 nacioj. Poste li komunikas la liston de la delegitoj de dekkvar regnoj, de la publikaj administracioj aŭ gravaj institucioj sin reprezentigintaj ĉe la kongreso. La regnoj estas: Aŭstrio, Belgujo (reprezentata de la ĝenerala inspektoro de meza instruado), Brazilio, Ĉilo, Gvatemalao, Ĥinujo, Hispanujo, Hungarujo, Nikaragvo, Norvegujo, Persujo, Rumanujo, Rusujo kaj Usono. Tiu ĉi lasta sendas tutan aron da delegitoj: unue la registaro mem, poste la komerca ĉambro de Washington, la ministro de armeo kaj amerika nacia Ruĝa kruco, ministro de komerco kaj laboro kaj la ŝtatoj Norda Karolino, Vermont, Pensilvanio kaj Massachussetts. Reprezentantojn sendas ankaŭ la urbestraro de Praha, la internacia instituto de Bibliografio en Bruxelles, la Turing-Klubo de Francujo, la Franca Societo de Arbitracio inter nacioj kaj la Internacia Asocio de Paco kaj Arbitracio en Londono, en la persono de la amata veterano de la paco, s-o Felix Moscheles, kiu legas leteron de varma simpatio kaj bondeziro, senditan de la sekretario Green.

Tre kortuŝa estis la momento, kiam sin levis hispana kapitano s-o Perogardo el Madrid kaj salutante en nomo de la hispana reĝo, donis en la manojn de la hispana konsulo insignon de la ordeno de Isabelo Katolika, per kiu la hispana reĝo antaŭ du jaroj eminentigis doktoron Zamenhof. La konsulo mem mesit

la insignon ĉirkaŭ la kolon de nia Majstro. La vortoj tute ne sufiĉas por proskribitiun ĉi okazintaĵon. La kunvenon forlasis poste ĉiu ĝoje ekscitita.

Vespere ni havis okazon aŭdi vicon da flandraj kantoj, kantitajn de ĉefaj kantistoj de la flandra operejo. La aranĝo de programo estis vere majstra. Ĝi donis montron de ĉiuspecaj kantoj ĉu malnovaj, ĉu novaj, humorplenaj aŭ melankoliaj kaj romantikaj. Kompreneble la bona sukceso en unua vico estas la merito de la gekantistoj, la fame konataj artistoj: f-ino Bertha Seroen de la reĝa operejo de Bruxelles kaj f-ino Edith Buyens, s-oj Jaak Bol kaj Jan Collignon de la flandra operejo de Antverpeno. La tekstoj de la kantoj kune kun la esperanta traduko troviĝis en la „Kongresa gazeto", kiu aperadis dum la festa semajno ĉiutage.

Mardo estis la unua tago de la laboro: kunvenis la rajtigitaj delegitoj, okazis kunvenoj de la Lingva Komitato, de la Konstanta Komitato kaj multe da aliaj, fakaj kaj privataj, ekzemple de juristoj, farmaciistoj, vegetaranoj, Universala Ligo, instruistoj k. t. p.

La senpacience atendata prezentado de „Kaatje" okazis mardon vespere kaj por la dua fojo merkredon. La atendo de la kongresanoj ne estis trompita. Oni vere ne povis pli bone elekti, kaj oni ŝuldas grandan dankon al la tradukinto s-o Dr. W. Van der Biest, kiu ne sole per delikata traduko riĉigis nian literaturon, sed ankaŭ prizorgante la prezentadojn, faris grandan servon al nia afero.

Nun kelkajn vortojn pri la teatraĵo mem: (Mi kore rekomendas al niaj bohemaj samideanoj tiun ĉi libron, plenan da delikataj sentoj de nacia individualismo).

Oni eble aŭdis la opinion, ke per Esperanto oni ne povas esprimi ĉiun profundan senton, kiu precipe en la moderna literaturo estas esprimita. „Kaatje" vere venkis tiun ĉi antaŭjuĝon.

Juna, talentoplena holanda pentristo ekintencis veturi en Italujon por studi kaj edifi sian talenton per verkoj de italaj majstroj. Li malprave opinias, ke lia nuboplena, malvarma lando ne povas inspiri ĉefverkojn. Lian tutan animon okupis la revo pri Italujo, li ĝin rakontas al „Kaatje":

Imagu ĝardenegon riĉan je
Palacoj! Ĉe la blua maro, sub
Ĉielo pura kiel la mantelo
De l' Virgulin', imagu ebenaĵon
Alridetantan, oranĝarbojn, kiuj
Kliniĝas sub la pezo de la fruktoj,
Kaj urbojn artoplenajn, fierantajn
Pro siaj turoj, siaj kampaniloj

kaj li komparas ĝin al la inspiroj donataj de lia lando

kun nebulo sia densa
Kun sia ter' ebena ĉiam. ĉie
Kun sia horizont' sen ia ĝojo
Kun sia duonombro, kie la
Koloroj malaperas . . .

Kaatje en sia animo sentas, ke li ne estas prava, sed ŝi nur demandas:

Ĉu oni devas por talenton havi,
Tiel malproksimen foriri?

Sed Jan foriras entuziasmoplena

. . . por reveni fine, grandigita
Per tiu ekziltempo, kaj savita
Per tiu bapto!

Post du jaroj li revenas, sed ne sola. Lin akompanas virino. Kaatje, kiu revis pri li, kiun ravis liaj leteroj, estas malesperigita, sed tamen ŝi kaŝas sian doloron. Ankaŭ Jan, revenante hejmen, fariĝas pli kaj pli malfeliĉa, ĉar lia lando lin refoje ekkaptis kaj li malprave pensas, ke li ne estas sufiĉe forta por fari ian grandan verkon. Li malprave opinias, ke nur tio, kion inspiras italaj ĉefverkoj, estas valora. Kiam lia edzino, ne povante alkutimiĝi, forkuras, li tute malesperas. Nun venas Kaatje kiel genio de lia arto kaj per sia puntfarado montras al li vojon de la vera arto. La jenaj versoj estas vere citindaj:

. . . Oni nur bezonas kelkajn
Fadenojn, kelkajn pinglojn . . . Miaj manoj
Rapide, gaje plektas, kvazaŭ ili
Klavĉenon ludus . . . kaj aperas jen
Steletoj, rozoj, palmoj, inter si
Miksitaj . . ., kaj fadenoj ili tamen
Nur estas . . . Floroj flugas for, laboras
La fingroj miaj, kaj malpeza, kiel
Paradizbird', aperas la puntaĵo.
Kaj dume . . .. kun anim' malpeza, ankaŭ
Mi sekvas mian revon, malproksimen . . .
Mi nur bezonas pinglojn kaj fadenojn

Kaj nun ŝi per vortoj diras tion, kion ŝi sentis en animo ĉe lia foriro:

. . . Oni ja kapablas
Animon sian tutan doni nur
Al tio, kion oni konas, kio
Kutima estas, kion oni havas
En sia hejm', proksime, kio tial
Eĉ estas parto de la propra vivo.

Jan estas savita per tiu ĉi primitiva arto de la knabino kaj per ŝia natura patriotismo, kiu venis el ŝia profunda animo.

La tutan teatrajon trapenetras tiu ĉi delikata knabina amo.

La aktoroj ludis tre perfekte, ili verdire vivis. La rolon de Kaatje ludis s-ino Bertrijn, rolon de Jan s-o Jules Verstraete, kiu ludis ĝin por la unua fojo, s-ino Maria Verstraete ludis patrinon, patron s-o Van Rijn, kiu precipe en la dua akto devigis aplaŭdi pro sia rava ludo, s-ino Magda Janssens ludis Pomona. La aranĝo de la prezentado estis preciza danke s-on Van Der Henvel, reĝisoro de la Reĝa flandra teatro, kiesanoj interpretis ankaŭ la ceterajn rolojn.

La ĉeestantoj al ili dankis per senfina aplaŭdado kaj floroj.

Merkredon krom la diversaj kunvenoj okazis vespere por la dua parto de la kongresanoj la ripetata prezentado de Kaatje, kiu sukcesis same, kiel la tagon antaŭan.

Tiun ĉi tagon estis la kuracistoj akceptitaj de „Cercle medical“, la farmaciistoj de la farmaciista societo, liberpensuloj de la antverpenaj liberpensuloj.

Jaŭdon matene okazis la tria labora kunsido. Prezidis s-roj: Mudie kaj poste Dr. Mybs. S-o Chavet dum varmaj aplaŭdoj legas la jenan telegramon, senditan al la Kongreso de Lia Moŝto la reĝo de la Belgoj: „La reĝo estis tre tuŝita de la telegramo, kiun vi sendis al li je la nomo de mil sep cent anoj de la Sepa Kongreso Universala de Esperanto. Lia Moŝto komisiis min peti, ke vi transdonu al ili Liajn tre korajn dankojn.“ Posttagmeze ĉe intima festeto estis disdonataj la premioj de la literatura konkurso. Ĉe tiu okazo diris s-o Privat tre interesan paroladon pri la esperanta literaturo.

Vespere oni partoprenis tre instruigan paroladon pri fonografa kinematografio de s-o Bourlet, aranĝitan de Scienca Asocio.

Venredon posttagmeze okazis komuna ekskurso sur la rivero Skeldo

Vespere ĉiuj kongresanoj kuniĝis en bela halo de la Reĝa Harmonia Societo por ĝui la dancon. Oni povis vidi kostumojn de plej diversaj landoj. Dum intima amuzado pasis la horoj kaj estis jam preskaŭ mateno, kiam oni disiris.

Ĉiu estis surprizita, kiam alvenis la tago de la ferma kunveno. Neniu eĉ pensis, ke la kongresa semajno estas jam finiĝinta kaj ke estas necese disiri.

S-o Mudie, prezidanto, proponis, ke oni danku per telegramo la Urbestron de Londono, Sir Vezey Strong kaj Senatoron Cornet, kiu prezentis al la franca Parlamento leĝprojekton pri la enkonduko de Esperanto en la publikajn lernejojn. La propono estis akceptita.

Okazis kelkaj adiaŭaj paroladoj; ĉe la elekto de la estonta kongresurbo, estis akceptita la invito de la polaj samideanoj en


Malferma kunsido de la VII. Internacia Kongreso Esperantista en Antverpeno 1911.

Kraków. Belgaj samideanoj en tiu ĉi kunveno donacis al Dr. Zamenhof artistan verkon: pentrajon de E. Stoffels, kiu prezentas la riveron Skeldon antaŭ Antverpeno.

Posttagmeze estis malfermita la kunveno de U. E. A. kaj vespere okazis la lasta komuna manĝado.

Lastfoje kunvenis la kongresanoj por ĉeesti la manovrojn de la Ruĝa Kruco, kiuj havis lokon dimanĉon antaŭtagmeze.

Poste ĉiuj disveturis aŭ hejmen aŭ por partopreni la diversajn postkongresojn vojaĝojn.

Nun kelkaj vortoj pri la estonta kongreso. Kiel mi jam diris, ĝi okazos en Kraków. Ĝi estos la unua kongreso sur la slava teritorio kaj arangita de Slavoj. Estas necese, ke ni montru la fortecon de nia ideo en niaj landoj per multenombra ĉeesto. Krom tio ni jam nun pripensu kaj preparu la aranĝojn por akcepti la fremdulojn, kiuj certe ankaŭ traveturos la landojn bohemajn kaj espereble honorigos nin per sia vizito.

*

*Unu el la plej rimarkindaj laboroj, kiujn faris la kongreso, estas la decido pri starigo de la regularo, laŭ kiu la sekvontaj kongresoj funkciados. De post nun la tuta esperantistaro povos partopreni la voĉdonadon pere de siaj rajtigitaj delegitoj. Ankaŭ pri la plua funkciado de la „Centra Oficejo" en Parizo estas decidite per starigo de la Administra Komitato. Jen la raporto de la Komisio por ĝenerala organizaĵo:*

La Sepa Universala Kongreso de Esperanto akceptis gravajn proponojn por nia movado, kaj estas utile, ke ĉiu esperantisto estu precize informita pri ĝiaj decidoj. Per la starigo de Rajtigitaj Delegitoj por la venontaj kongresoj, laŭ la propono de D-ro Zamenhof mem, ĝi donos specialan valoron al la laboroj de tiuj kongresoj, kaj ebligos al ĉiuj esperantistaj grupoj la partoprenon en tiuj laboroj. Per la starigo de Administra Komitato por la kondukado de la Centra Oficejo laŭ la proponoj de la Internacia Konsilantaro, al kiu la Kvina Kongreso komisiis tiun taskon, ĝi definitive oficialigis tiun oficejon kaj ebligas, ke ĉiuj esperantistaj grupoj partoprenu la subtenadon kaj funkciadon de la dirita Centra Oficejo.

Plue, la Sepa Kongreso starigis specialan komision, kies celo estas studadi kaj raporti dum la Oka Kongreso en Kraków 1912 pri jenaj demandoj:

1) Ĝenerala organizaĵo por doni firman bazon al la oficialaj institucioj (Komitato de la Kongresoj, Lingva Komitato, Centra Oficejo), kaj por ilin subteni kaj interligi;

2) Unuigo de la naciaj Esperantistaj Societoj;

3) Amikaj kaj efikaj rilatoj inter la propagandaj, aplikaj kaj fakaj societoj, kiel ekz. U. E. A.

Tiu Komisio jam kunvenis en Antverpeno; ĝi decidis elekti Subkomision, kiu konsistas el s-roj Dro Mybs, von Frenckell kaj Dro Kandt, por ricevi ĉiujn proponojn pri tiu demando, ilin klasigi kaj raporti pri ili al la Komisio.

Ĉiu esperantista societo, grupo aŭ eĉ ĉiu privata esperantisto, kiu havas proponon aŭ projekton por prezenti pri tiuj ĉi demandoj, estas petata sendi ĝin, kiel eble plej baldaŭ, kaj almenaŭ antaŭ la 1a de Decembro 1911, al la sekretario de la Subkomisio, Dro M. Kandt, Neuer Markt 8, Bromberg, Germanujo.

Oni ankaŭ sendu malnovajn projektojn, gazetartikolojn kaj ĉiun uzeblan materialon.

Post esploro de ĉiuj proponoj kaj paperoj, la Subkomisio sendos sian raporton al la tuta Komisio.

Poste, tiu Komisio verkos ĝeneralan projekton publikigotan minimume tri monatojn antaŭ la Okà Kongreso, kaj prezentotan al tiu kongreso.

Ĉiujn dokumentojn pri tiu afero kaj la oficialajn protokolojn de la Sepa Kongreso, kiuj rilatas al ĝi, oni trovas en la N-o 4. (Oktobro 1911) de Oficiala Gazeto.

En la nomo de la Komisio:

*Dro M. Kandt*, sekr. *Generalo Sebert*, prez.

*La amplekso de nia revuo ne permesas, ke ni raportu pli detale pri la tutmonda kongreso, pri la oficialaj tekstoj de la decidoj de ĉiuj kunvenoj kaj pri la traktado dum la kunsidoj. Por ĉerpi detalajn informojn pri tio. legu la oficialan raporton, kiu aperos post nelonga tempo kaj kiu jam nun estas parte enhavita en la oktobra numero (IV. 4.) de „Oficiala gazeto esperantista" Paris. 51. rue de Clichy. Prezo 50 ctm. Ni atentigas, ke tie ĉi estas haveblaj krom la interesaj dokumentoj de la Lingva Komitato ankaŭ la oficialaj raportoj pri ĉiuj ses antaŭaj kongresoj esperantistaj po unu aŭ du frankoj.*

# X. OFICIALA RAPORTO DE CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA.

*B. U. E. dissendas en formo de oficialaj raportoj kun la n-oj de nia revuo al ĉiuj esperantaj gazetoj fremdlandaj informojn pri la lastaj, plej gravaj novaĵoj en nia bohema movado esperantista. La redakcioj represas ĉi tiujn raportojn, kiuj enhavas kvazaŭ resumon de ĉiu n-o de Ĉ. Ĉ. E. kaj informas tiel siajn legantojn pri ĉio, kio estas speciale leginda.*

## LORD MAYOR EN PRAHA PRI ESPERANTO.

Kiam la Centra Asocio Bohema Unio Esperantista eksciis, ke la londona ĉefurbestro Lord Mayor Sir T. Vezey Strong vizitos kun sesdek membroj de la urbestraro Bohemujon kaj la ĉefurbon Praha, ĝia komitato tuj ekrilatis kun la londonaj samideanoj kaj kun la loka urbestraro por utiligi tiun ĉi okazon laŭ vidpunkto propaganda. Estas ja konate, ke Lord Mayor estas simpatia amiko al Esperanto kaj ke li en Londono ofte esprimis sian favoron por ĝi. Danke nian amikon s-on Harrison Hill, kiun ni informis pri la atendata vizito kaj pri nia intenco uzi tiun ĉi okazon por propagando de Esp. ĉe la plej altaj lokoj, ni ricevis neoficialajn, sed gravajn informojn pri la projektata vojaĝo de la anglaj gastoj, per kiuj ni servis al nia urbestraro en Praha. Samtempe ni sendis al Lord Mayor nian esperantan gvidlibron PRAHA kun informaj

presajoj kaj kiam li esprimis la deziron esti pli detale informita pri la vizitota urbo, ni sendigis al li pere de la urbestraro de Praha ĉiujn bezonajn publikajojn. La plej bonan servon faris la angle de s-o Hill verkita resumo de nia esp. gvidlibro. La sendaĵoj de tiu ĉi nia amiko al la prezidia sekretario en Praha s-o Dr. Sum fariĝadis pli oftaj kaj gravaj — ili enhavis multe da konsiloj kaj informoj ne oficialaj sed tiom pli utilaj. Ilian signifon atestaŝ letero sendita de Dr. Sum al Unio: „. . . mi trovis sur la tablo multe da paketoj, kiuj estis al mi senditaj danke vian perigon. Ilia enhavo estas valorega. Mi eĉ ne supozis, ke via interveno atingos tiel bonan rezultaton kaj mi esprimas al vi sinceran dankon por via etika kunhelpo."

Kiam la gastoj estis alvenontaj, sendis Unio laŭ adreso de ĉiu el ili en iliajn hotelojn po paketo da esperantaj poŝtkartoj k. a. por atentigi ilin pri nia esperantista centro en Praha, la Bohema Unio Esperantista. La duan tagon, post kiam la deputacio estis solene akceptita de la tuta loĝantaro en Praha, vizitis la eminentan gaston, la Lord Mayoron en lia hotelo reprezentantoj de Unio, s-oj Prof. Dr. Rosický kaj red. Ed. Kühnl, kiuj prezentis al li salutojn de la bohema esperantistaro kaj de la anglaj samideanoj, kiuj sekvas sian amatan ĉefurbestron en siaj pensoj dum lia vojaĝo. Lord Mayor esprimis sian ĝojon pri la atento, kiun vekas lia vojaĝo en Bohemujo ankaŭ ekster la ĉefurbo, ĉar li jus ricevis kiel honoresprimon du bele binditajn volumojn de orig. esper. poemoj de s-o Dr. Schulhof el Pardubice.

Post tiu ĉi vizito, ĉe kiu aŭdis la reprezentantoj de Unio laŭdajn vortojn pri la vigla esperanta movado inter Bohemoj, iris ambaŭ en la salonon de la urba domo, kien Unio estis oficiale invitita por ĉeesti la solenan akcepton de la tuta angla deputacio. Post kiam finiĝis la salutoj eldiritaj de niaj urbaj reprezentantoj, leviĝis Lord Mayor kaj dankis per longa parolado, el kiu speciale por Esperantistoj interesa estas la sekvanta parto (angle):

„Por forigi malkomprenojn ĉe la internaciaj rilatoj estis enkondukita la lingvo Esperanto, por ke ĝi plenigu — sed neniel por ke ĝi subpremu la lingvojn naciajn. La raporto pri la memorinda kunveno pacifista en Guildhall por subteni la principojn de la internacia arbitracio estis tradukita esperanten kaj tra la tuta mondo disvastigita. Tiu ĉi esperanta traduko vere estis la unua informo respondanta la gravecon de tiu ĉi memorinda kunveno, kiu trapenetris ĉiujn partojn de la tuta mondo. Bohema Unio Esperantista, subtenata de la antaŭzorgema kaj antaŭvidema urbestraro de Praha eldonis speciale bonegan ilustritan gvidlibron por vizitantoj de Praha. Ekzemplero de tiu ĉi broŝuro estis al mi sendita en Mansion House. Kaj mi eksciis laŭ tiu ĉi libreto, kiu estis por mi tradukita de la londonaj Esperantistoj, multe da valoraj informoj, kiuj min konvinkis, ke la vizito al Praha estos por mi agrabla kaj instruiga. Mi forte ekinteresiĝis pri la propagando de tiu ĉi lingvo, ĉar mi estas konvinkita, ke ĝi havas praktikan signifon por la rilatoj inter la nacioj kaj ke ĝi sukcesigas la idealojn de reciproka helpo, kiuj estas propraĵo de la tuta homaro, ĉar la frateco ne konas limojn."

Antaŭ pli multe ol cento da eminentaj reprezentantoj de la plej gravaj bohemaj korporacioj kaj antaŭ la tuta urbestraro de Praha tiuj ĉi vortoj eldiritaj de Lord Mayor, per kiuj li tiel ŝatinde aprobis nian laboron ĉe okazo tiel solena kaj sur loko tiel signifo-

plena, postlasis neatenditan impreson. La plej vasta publiko legis en ĉiuj jurnaloj de Praha la laŭvortan tekston de tiu ĉi parolado kaj multaj el la legantoj konformigis sian opinion pri Esperanto laŭ tio!

*Ni dezirus, ke estu uzita tiu ĉi okazo de propagando plenmezure ne sole ĉe ni, sed ankaŭ en Londono. Samtempe ni proponis al la komitato de Brita Esperantista Asocio, ke ĝi aranĝu informan paroladon pri Esperanto por la membroj de la deputacio, kiuj nun havis tiel bonan okazon konvinkiĝi pri tio, ke Esperanto ne estas afero fremdlande nekonata kaj por ke tiuj el ili, kiuj ne decidis por ĝia studo ankoraŭ pli multe da laboro, povu ĝian valoron laŭmerite ŝati. Ne estu tiu ĉi okazo la lasta kaj oni uzu ĝin ankaŭ en aliaj urboj tiel prospere!*

*(La londona urbestraro baldaŭ eldonos angle verkitan memorlibron pri la vojaĝo de Lord Mayor; en la verko aperos krom aliaj artikoloj ankaŭ angla traduko de tiu ĉi raporto.)*

# PROPAGATORŮM.

## OBRANA ESPERANTA.

V příloze časopisu „Samostatnost“ ze dne 2. listopadu 1911 projeven byl názor o Esperantu, který, — při jinak dobré vůli — vznikl jen z nedostatečného zasvěcení do otázky mezinárodního jazyka vůbec a do ducha Esperanta zvláště. V části prvé píše p. Rowalski o této mezinárodní řeči velmi příznivě a svědčí o jejím rozvoji ve světě. V části druhé však obsaženy jsou některé omyly a pochyby, které tuto opravujeme a vyvracíme.

Na první pohled zaráží ve článku tom veliké množství cizích slov, která mohla býti vhodně nahrazena slovy českými. Vždyť se nám do naší řeči vloudilo již tolik slov cizích, kterých již ani nepřekládáme a která jsou v Esperantu právě základem slovníku, na př.: redaktor, turistika, technologie a j. Proč nemáme svou řeč očišťovati od takových tvarů jako to činí Němci? K tomu právě nás vede Esperanto, nutíc nás, když překládáme do mateřského jazyka, vzpomínati na dobrá česká slova, místo nichž nyní tak často užívá se cizích. Ozýváme-li se i na otázky dávno zodpověděné, děje se to proto, že článek onen četli i lidé, od nichž znalost oněch věcí prvotních požadovati nelze, poněvadž na věci zvláštního zájmu nemají.

Není správno, že by Esperantu dostávalo se veřejného zájmu a veřejné podpory se všech stran. U nás alespoň, až na čestné vyjimky, pohlíží se na Esperanto a na celé hnutí jako na nějakou libůstku. Naše časopisy neuveřejňují často důležitých zpráv zaslaných jim od ústředí, za to však otiskují každou zprávu nepříznivou, aniž by se dříve hleděli poučiti o pravdě, ač máme v Praze ústřední úřadovnu (ve Vodičkově ul. č. 38), kde se jim všech žádaných zpráv může dostati. Kdežto cizina, na př. Drážďany, těží

z Esperanta pro příliv cizinců, u nás této pomůcky skoro vůbec se nedbá. Právě nedávno při návštěvě londýnské rady městské prokázalo Esperanto služby nedoceněné a malý poměrně peníz vynaložený r. 1908 slavnou městskou radou na průvodce esperantského po Praze přinesl užitek zajisté více než stonásobný.

Jestliže i úřady státní (zvláště v zemích, jichž jazyk pokládá se za světový), uznaly za vhodné popřáti místa Esperantu ve svých školách, je nutno připustiti, že nestalo se tak jen pro věc krátkodechou. Zajisté osvědčilo se vedle uznané již potřeby řeči mezinárodní i to, že Esperanto vyhovuje všem požadavkům, jež od úřadů byly žádány. Rozhodným důkazem toho jsou esperantské sjezdy (kongresy) světové, na nichž scházejí se lidé mluvící asi 50 různými jazyky a to lidé většinou stavů středních, všech možných povolání, od dělníka až do slavných učenců, mužů, žen i dětí a všichni se snadno dorozumívají pomocí Esperanta a to způsobem tak snadným, že často vzniká podezření u jednoho z rozprávějících, že druhý je krajan a teprve na dotaz vyjde na jevo, že mluví na př. Španěl s Čechem.

Že světové sjezdy vzbuzují velikou pozornost nejen v zemi a místě sjezdem navštívených, nýbrž i na místech nejvyšších, toho důkazem jsou vyznamenání, jichž se vynálezci Esperanta již dostalo, zajisté ne s prominutím zásluh. Srovnáme-li vynálezce sera proti tuberkulose s vynálezcem Esperanta, jsme přesvědčeni, že vynálezci sera dostane se všech vyznamenání i peněžitého zisku, o kterém u dra Zamenhofa, vzhledem k jeho nezištnosti, není ani pomyšlení. Jen ať se osvědčí serum tak, jako dosud Esperanto.

Vážený pan pisatel uvádí, že myšlenka mezinárodního jazyka jest krásná, nikoli však nová; že již Descartes (dopis P. Mersenniovi r. 1629) se jí zabýval, ale o našem slavném učiteli národů J. A. Komenském se nezmiňuje; ten napsal v díle Via Lucis 1647 několik výroků o řeči mezinárodní, na př.: Aniž snad bude, kdo by rozpaky měl, lze-li nový utvořiti jazyk. Kdyby přece komu myšlenka ona vzešla, odpovím, že lze (XIX, 9) a: Naprosto však spíše oblíbiti sluší cestu onu, aby jazyk nějaký všemu světa okrsku byl utvořen (XIX, 6).

Pan pisatel praví dále, že se ukazuje „nemožnost esperantské ideje v ovzduší obchodním, poněvadž každé obchodní odvětví má dnes už svůj specialní, často dosti objemný slovník“ a ptá se: Stačí na vytvoření takového slovníku domněle jednoduché theorie této řeči? Odpovídáme, že není nic snadnějšího, než vytvořiti takový odborný slovník také v Esperantu, jak to skutečnost dokazuje. Pan pisatel patrně není dosti obeznámem s literaturou esperantskou, sice by takových pochybností tiskem nešířil. Máme technický slovník Veraxův, názvosloví odborné pro fotografy, ná-

mořníky, hudebníky, matematiky, lékárníky, lékaře, obchodníky atd. Také cenníky odborných firem dokazují, že Esperanto i v tomto směru stačí vzdor své „domněle jednoduché theorii.“ Ostatní obchodní názvosloví není tak obsáhlé a pak většina výrazů těch je mezinárodní.

V obchodě bude zajisté výhodnější užívati jednoho jazyka než mnohých. Obchodník obejde se tak s menším počtem dopisovatelů, nebude mu podpisovati listů, jimž třeba sám nerozumí a bude moci bez průtahu zodpovídati listy ze všech končin přímo od zákazníků došlé. Odpadne pořizování překladů neb výtahů pro pomocníky vyřizující zakázky, ovšem až se řeč tak rozmůže, což při jiných řečech pro větší nesnadnost nebude nikdy možno. Pohleďněme na obchod očima zákazníka. Tomu otevře se celý svět, jak již toho máme příklady: může jednou řečí poptávati se přímo u všech prodavačů a to beze ztráty času.

Pan pisatel dále praví, že každá větší firma má dostatek dopisovatelů, kteří by jako obchodní cestující s Esperantem pořídili velmi málo. Pan pisatel patrně má na mysli, že Esperanto má zatlačiti všechny ostatní řeči, úkol jeho je však ten, že má vypomáhati tam, kde znalost ostatních tak zv. světových řečí nestačí. Kde se můžeme dorozuměti česky, francouzsky, anglicky, německy a t. d., tam nepotřebujeme arci Esperanta.

Dále obává se p. pisatel, že bude třeba vytvořiti v oborech vědeckých pro každou vědu obsáhlé názvosloví, což prý je práce ohromná a nekonečná a zda-li prý k tomu stačí. K tomu odpovídáme, že takových vědeckých názvosloví je třeba v každé řeči národní (v naší mateřštině jich dosud schází několik) a že práce ta pro Esperanto je z velké části již vykonána, pro anatomii, lékařství, vědy technické, přírodní a t. d. Práce ta není však tak ohromná (nekonečná jen potud, pokud se jeví pokrok ve vědách), většinou je tu třeba jen přizpůsobiti koncovky ustálených již výrazů mezinárodních (latinských).

Zda-li Esperanto vnikne také do oboru diplomacie, na tom pramálo záleží, snad se to časem stane samo sebou; ale stalo se již, že španělský král loni při návštěvě předsedy francouzské republiky oslovil shromážděné diplomaty esperantsky. Ale myslí-li p. pisatel, že se to nestane proto, že „v diplomatických vyjednáváních často jediné nedosti jasně formulované slovo mohlo by snadno přivoditi nejvážnější následky,“ je na omylu, neboť je známo, že Esperantem lze nejlépe rozlišovati a i nejjemnější odstíny myšlenek vyjadřovati. Esperanto je přece také řečí živou, svrchovaně jasnou, o tom přece nemůže býti sporu. Velikou výhodou je, že slovník esperantský je sice omezený, podávaje málo kmenů (1936), ale jsou tu předpony a přípony a dále složená slova,

kterými prostředky dovede Esperanto vyjádřiti vše jako kterákoli jiná řeč živá (a to mezinárodně, t. j. tak, že tomu i příslušníci jiných národů mohou rozuměti). Důkazy o tom podávají světové sjezdy (viz nahoře) a dále překlady z národních jazyků do Esperanta. Srovnej na př. překlad satyrického spisu „Frant. Lelíček ve službách Sherlocka Holmesa“ anebo „Babičky“ od Bož. Němcové, v nichž obou i obtížná rčení lidová správně vyjádřena jsou Esperantem.

Dále píše p. Rowalski, že prý „působí turistovi (cestovateli) mnohem větší požitek, může-li si sámi vypomáhati znalostí té které řeči, neboť řeč národa je projevem jeho, kultury, jeho duše, je závažnou částí jeho historie.“ Nuže, kdo chce a může, ať se učí cizím jazykům; ale kolika z nich naučí se dokonale tak, aby se s lidem mohl smluviti? A zná-li jich i několik, ještě se mu může přihoditi, že se nedorozumí jako se to stalo panu Jindř. Fischerovi z Rumunska, který na dunajském parníku s jedním spolucestujícím a číšníkem dohromady mluvili 14 řečmi a přece nemohli se dorozuměti, až Švéd přinesl na palubu angl. klíč E. — Jak takové dorozumívání cizí řečí často dopadne a jak každé nedorozumění objeví se v našem účtu dvojnásobnou položkou, o tom mohli by cestující mnoho zajímavého vyprávěti, na př. jak v Benátkách místo ryb dostalo se jim broskví (peschi, pesche) a t. d. Přece je lépe míti esperantského průvodce v cizí zemi, který nás o všech poměrech věrně zpraví a skoro pravidelně od častých ztrát peněžitých uchrání. Jak mnohé cesty v cizině byly již vykonány jen pomocí Esperanta a k tomu ještě cítíme se mezi esperantskými přáteli jako mezi svými. Kdo cestuje každý rok do země jiného jazyka, byl by nucen pokaždé učiti se aspoň trochu příslušnému jazyku a projíždí-li více zemí, potřeboval by na jedné cestě alespoň 3 světové jazyky. že však necestuje lacino, je samozřejmo. My Češi při tom všem rozmnožujeme obyčejně počet cestujících Němců a to i ve slovanských zemích. Máme v tom jisté zkušenosti a právě ty nás a mnohé jiné přivedly k Esperantu. Farman i Archdeacon, věhlasní vzduchoplavci francouzští napsali o užitku Esperanta při cestování a stycích mezinárodních významnou knihu „Pourquoi je suis devenu Espérantiste?“ odpovídajíce tak na námitky pronesené ve spise Gaubertově, o který se p. Rowalski též opírá. Zdá se, že pan pisatel četl jen Gaubertův *spis*: „La sottise espérantiste“, ale nevěděl snad, že by se mohl více poučiti odpovědí bar. de Menila na tento spis: „Le préjuge contre Esperanto“, která vyšla u téhož nakladatele Mendela v Paříži. Dle J. A. Komenského (Via Lucis XIX, 4): ... jest snáze všem naučiti se jednomu jazyku, než jednotlivci všem.

Že rozsáhlost slovníků pokračuje, je přirozeno, neboť slov,

ník národně-esperantský musí býti tak objemný jako národní, kdežto esperantsko-národní zůstane vždy jednoduchým. Že Esperanto není snadné jen pro ty, kteří ovládají některé světové řeči, z nichž je složeno, nýbrž i pro ony, kteří jiné řeči kromě své mateřské neznají, toho je důkazem, že i prostí lidé, dělníci i děti ze školy obecné, řeči té bez obtíží se naučí. Že Esperanto necvičí jen paměť, nýbrž i „inteligenci", o tom lze se přesvědčiti na př. z výroční zprávy podané ministerstvu vyučování ve Francii školním dozorcem okresu Lilleského panem Durieuxem; v celém okrese Nord zavedeno je vyučování Esperantu jako předmětu povinnému. Dále svědčí o tom spis „Esperanto als ein Kulturfaktor" vydaný Drem Möbuszem, sepsaný různými odborníky.

Že by to znamenalo veliký pokrok a veliký zisk času, kdyby učenci svá díla vydávali v jazyku národním a zároveň v Esperantu činíce je tak přístupnými celému světu, o tom přece nemůže býti sporu. Máme také již celou řadu vědeckých pojednání esperantských.

Velmi důrazně vystupuje pan pisatel proti vnikání Esperanta do písemnictví, že prý se tím původní dílo sesměšní, profanuje, ba dokonce, že takový překlad jest urážkou umění. Tvrdíme stejně důrazně, že překlady do Esperanta jsou právě tak vystižné, ba často i mnohem přiléhavější než překlady do jiných řečí živých, proti „theoretickým argumentům autorovým disponujeme my, Esperantisté, fakty," proti nimž nemůže namítati nic ten, kdo chce býti do věci zasvěcen alespoň potud, aby mohl býti nestranným posuzovatelem. Správně uvádí některá díla veršovaná, která opravdu vystihují původní dílo, jako mimo uvedená též „Ifigenie na Tauridě", která byla hrána v Esperantu u příležitosti IV. Kongresu Esperantistů v Drážďanech v král. opeře a o níž sami Němci se vyslovili, že tento esperantský překlad lépe přiléhá duchu starověku, než samo původní veledílo Goethe-ovo. Je-li překládání z národních řečí do Esperanta „profanováním," tu celá světová literatura překladů z cizích jazyků byla také profanováním, tu by neměli ani gymnasisté překládati do mateřského jazyka nesmrtelná díla Homerova, Aischylova, Ciceronova a t. d. Překládáme-li vynikající díla svého písemnictví do Esperanta, seznamujeme tak ostatní svět s nejlepšími plody svého domácího písemnictví, o kterých by se jinak sotva dověděl.

Poukazuje pouze na neznalost věci, když někdo tvrdí, že Esperanto, tento „směšný idiom" jest starým sotva čtvrt století. Poněvadž obsahuje prvky řečí indogermánských sahají kořeny jeho do téže dávnověkosti, jako řeči indogermánské, z nichž jest utvořeno; jest následkem toho s to vyjádřiti všechny myšlenky mnohem logičtěji, snadněji a srozumitelněji, než samy tyto řeči. Proto není Esperanto nějakým pochybeným pokusem a „protest"

pana pisatele proti vtírání se Esperanta do písemnictví zůstane nepochybně bez účinku.

S p. Rowalskim rozcházíme se v tom, že užíváme Esperanta jako řeči živé, kdežto on považuje je za „směšný idiom." Šíříme-li pomocí Esperanta známost o našem národě a jeho písemnictví u jiných národů, zajisté vynakládáme „živou sílu" na věc užitečnou a sloužíme jí tím lépe než pan Rowalski znešvařováním naší mateřštiny zbytečnými cizími slovy. Dbáme pečlivě ryzosti mateřské řeči a doporučujeme panu Rowalskimu, aby na věc stejně užitečnou vynaložil svou „energii".

*A. Borovský — Dr. V. Rosický.*

# III. BOHEMA KONGRESO ESPERANTISTA.

(PRAHA, la 8., 9., 10. de septembro 1911.)

Kiel ni raportis en la lasta kajero de nia revuo, okazis **vendredon,** la 8. IX., antaŭtagmeze kunsido de la II. Aŭstria konferenco esperantista, kiu bedaŭrinde devis esti fermita kaj finita pro la bruaj ekscesoj, kiujn scenigis per helpo de neesperantistoj kelkaj delongtempe en la bohema vivo esperantista konataj skismuloj, malamikoj de serioza, paca kaj trankvila laboro por Esperanto.

La saman tagon posttagmeze je la 3. horo kunvenis la bohemaj samideanoj laŭ la programo en la sama salono de la Komerca kaj Industria Ĉambro por festi la III. Boheman Kongreson Esperantistan.

Plezure oni konstatis, ke la malĝojige finiĝinta kunveno matena neniom influis la harmonion kaj reciprokan konsenton de veraj samideanoj, pli alte ŝatantaj trankvilan laboron por-esperantan interne de sia popolo ol ian proklamadon de tia esperantismo (!), kiu sin vidigas per bruo, insultoj kaj ofendoj, aŭ fine kiu sin entrudas sub la aŭspicioj de „esperantismo aŭstria", kiu, laŭ la ĝisnunaj spertoj ĉiam dependas de grandanima bonvolo aŭ nebonvolo de la reprezentantoj de la aŭstria minorito, kutimiĝinta ordonadi kaj dikti al ĉiuj ceteraj kunvivantoj en la komuna poliglota ŝtatformo. La verecon de tiu ĉi diro refoje atestas la rezultato de la konferenco: se oni senkondiĉe ne obeas la aŭstrian ordonon eĉ en sia absolute interna afero, tuj perdiĝas la intereso por komuna laboro kaj tuj estas disvastigata la famo, ke la Bohemoj ofendis la esperantismon.

Kvankam la nombro de la aliĝintoj ne superis la nombron pasintjaran, egalinte ĝin, tamen estas ĝojiga la fakto, ke ĉiuj en la plej bona harmonio proklamis unuanimecon kaj sian varman

simpation al B. U. E. Tio tiom pli multe estas ĝojiga, ĉar tiu ĉi fakto, sekvinta senpere post la matenaj tumultscenoj, plej klare pruvas, ke la bohema Esperantistaro scias ŝati la penojn de sia centra organizajo kaj ke ne trovos en ĝi aprobon kaj subtenon la agadmaniero de „Esperantistoj“-skismuloj, nun, danke la matenan okazintajon, de ĉiuj bone konataj.

La kunvenon malfermis la vicprezidanto de B. U. E. kaj gvidis ĝin kun la membroj de la komitato. Salutinte la ĉeestantojn, precipe la gastojn venintajn el urboj kamparaj, li esprimis sian bedaŭron parolfluge tuŝinte la matenan kunsidon kaj dankis ĉiujn faktorojn, kiuj helpis ebligi la aranĝon de nia manifestacio, unua - loke la Komercan Ĉambron kaj la komitaton de Československá Obchodnická Beseda, kiuj disponigis por tiu celo siajn salonojn kaj ne lastvice ĉiujn amikojn, kiuj per sindona persona helpo efike subtenis la laborojn preparajn.

Post tio la prezidanto invitis la anonciĝintajn oratorojn, ke ili prezentu siajn temojn. La unua parolis fraŭlino Míla Bartáková el Humpolec pri „Esperanto kaj virino“. La ideoriĉan paroladon oni aŭskultis plenatente kaj viva aplaŭdo de la kongresanoj esprimis la konsenton kaj dankon al la simpatia oratorino. La plej interesajn punktojn de tiu ĉi raporto ni prezentas al la legantaro sur alia loko de tiu ĉi kajero.

Tre interesan paroladon faris al ni nia delongtempa amiko sinjoro K. Steier, direktoro de la Propaganda Instituto en Leipzig pri la organizado de sistema propagando kaj atentigis precipe pri la organo de la Instituto „La Kroniko“, kiu difinis al si kiel la ĉefan taskon registradi sisteme ĉiujn aktualajn okazintajojn en Esperantujo kaj per historiaj skizoj vivigi la rememoron pri la unuaj pioniroj. La kongresanoj tre atente sekvis la vere interesajn kon-kludojn de la oratoro kaj promesis subtenadi liajn meritoplenajn klopodojn.

Konvinkiga estis la vervoplena parolado de s-o Em. Batěk ekslernejestro el Říčany, kiu rekomendas al ĉiu, kiu volas publike propagandi Esperanton, ke li preferu mallongan sed enhavoplenan temon kaj prezentatan plej laŭtvoĉe. Kiel bonan rimedon por atentigi la plej vastan publikon pri nia lingvo li rekomendas laŭtan interparoladon, por kiu celo estas eldoninda verketo, kiu enhavu la plej ofte uzatajn frazojn de la ĉiutaga vivo.

Poste prezentis sian raporton pri „Estonteco de Esperanto“ s-o V. Brož el Kladno, en kiu'li aludis precipe la nunan malfacil-econ de rilatoj inter la tuta mondo kaj inter la malgrandaj nacioj, kiuj pro la limigita regiono ampleksata de ilia lingvo, devige restis izolitaj kaj ne povis tiel efike partopreni en la idea kon-kurado kun la pli favore dotitaj nacioj nomataj „tutmondaj“. Li

vidas por Esperanto vastan kampon, sur kiu ĝi helpos la interpacigon de popoloj, precipe, kiam oni ne plu instruados al la infanoj la antipation kontraŭ alilingvanoj, antipation, en kiu ĝermas suspektemo kaj pro kiu tre facile naskiĝas internaciaj konfliktoj. Precipe por nia nacio li konsideras Esperanton utile aplikebla, por ke ni montru al la mondo niajn historion, kulturon, politikan situacion kaj nian intelektan aspiron. Tial ni penu atingi antaŭ la tuta mondo famon, kiun indas nia nacio multloke ĉu nekonata, ĉu makulita pro interesoj politikaj de falsitaj informoj. Ni montru nin ĉiam kaj ĉiurilate nacio progrese matura, kapabla konkuri en ĉiuj fakoj de la moderna kulturo.

Je fino de lia raporto ricevis la prezidantaro neatenditan, doloriĝan sciigon pri la subita morto de nia tre estimata amiko prof. dr. S. Lederer. Tiu ĉi sciigo estis alportita de du delegitoj de la Germana Grupo kaj konigita de s-o Zahel al la ĉeestantaro; per nemultaj vortoj li aludis la signifon de la eminenta samideano kaj esprimis la komune sentatan kunsenton, proponante, ke la kongreso sendu kondolencan telegramon al la familio de la mortinto. (En nia lasta n-o ni alportis kelkajn datojn pri la meritoplena kaj al nia afero plene sindona vivo de la simpatia kunbatalanto.)

La neatendita sciigo estis aŭskultita kun emocio kaj laŭ propono de la prezidanto leviĝis la partoprenantoj de siaj seĝoj por honorigi la memoron de la neforgesebla amiko.

Invitinte ĉiujn al partopreno ĉe la akompano al la tombo okazonta dimanĉon, la prezidanto fermis la kunvenon je signo de kunsento.

Vespere okazis en la salono de Ceskoslovanská Obchodnická Beseda teatra prezentado kun pure esperanta programo. Partoprenis ĝin pli multe ol 100 personoj. La festo estis malfermita per la prologo verkita kaj al la kongreso dediĉita de s-o Dr. St. Schulhof, kiun deklamis kun la konata ĉe li vervo s-o K. Procházka. La tekston de tiu ĉi aplaŭde akceptita poemo vidu sur la pĝ. 107. de la lasta n-o: „Kanto pri Espero". La sekvinta punkto de la programo estis la esperantigita kanto „Dum noktoj mildaj" el „Kantaro de Záviš", kiun tre sentoplene prezentis f-ino F. Žabková. Ankaŭ en la dua parto de la programo ŝi kantis aliajn du esperantigitajn kantojn el la sama kolekto, akompanata de s-o Ŝpinka je fortepiano. Ĉiuj tri fragmentoj estis admirataj kaj pruvis refoje la mirindan taŭgecon de nia lingvo ankaŭ rilate al kanto, ĉar oni konvinkiĝis, ke eĉ teksto plej delikata neniom perdas en vesto esperanta, sed ke kontraŭe tiu ĉi esperanta vesto donas al ĝi la saman ĉarmon kaj respeguligas ĉiun delikatan ideon de la originalo. (La tekstojn vidu sur la paĝo 108.)

Poste sekvis deklamo de nia plej juna Esperantisto s-eto J. Novák: „Ho, lando mia!“ Por multaj ĉeestantoj estis tiu ĉi okazo la unua, kiam ili aŭdis Esperanton parolatan per buŝo de infano, ĉe kiu ili trovis, kiom facila estas la perfekta ellerno de nia lingvo. La 9-jara deklaminto uzas Esperanton ankaŭ en la ĉiutaga interparolado tiel perfekte, ke eĉ multaj malnovaj samideanoj povus lerni de li. Kompreneble li rikoltis entuziasman aplaŭdon kaj estis devigita aldoni ankoraŭ pluan recitaĵon.

La kvara punkto de la programo estis la unuakta originala ŝerco „Konkurantinoj“ de f-ino Studničková, prezentita de f-inoj fratinoj A. kaj F. Žabková. Danke la spritan humoron de la aŭtorino kaj la ĉarman interpreton de la aktorinoj la ŝerco tre plaĉis kaj ĉiujn agrable amuzis. Kun plezuro ne malpli granda oni sekvis la „Solon de fluto“ (Bilhaud-Doré), prezentitan de s-o Davídek, kiu, kvankam oni eĉ unu solan tonon ne aŭdis, tamen bone instruis la gastojn pri la muzikarto. Lia bona deklamo kaj precipe la mimiko vekis simpation kaj oni per brua aklamo montris sin dankema por la instrua leciono.

. . . kaj la plej alloga punkto je fino: „All right“, unuakta komedio de Štolba, esperantigita de Q. Ardeni, prezentata de niaj plej fervoraj kunhelpantoj f-inoj Fr. Procházková, M. Vaněčková, A. Žabková, s-oj B. Davídek, Fr. Dus kaj Vl. Tobek. Aŭdi la bonan elparoladon de modelstile tradukita teatraĵo, prezentata de la tradukintoj mem, kiuj ĝisfunde trapenetris la rolojn kaj kiuj mem super ĉio ŝatas la belecon de Esperanto laŭ ĝia literatura flanko, estis ĝuo ne ofte ripetiĝanta kaj ni povas certigi, ke ĉiu trovis laŭdinda la bonan volon de la geaktoroj, kiuj, kvankam diletantoj sur la scenejo, tamen prezentis siajn rolojn plej kontentige. La celo — montri belecon de Esperanto — plene estis atingita.

La programo daŭris ĝis la noktomezo kaj en bona humoro disiris la ĉeestantaro.

La **sabata** antaŭtagmezo estis rezervita por libera promenado tra la urbo kaj post la komuna tagmanĝo, kiu, same kiel vendredon, okazis en la hotelo „Ora ansero“, kunvenis la ekzamena komisio en la oficejo de Unio, kaj tiun ĉi okazon uzis ankaŭ trideko da samideanoj, precipe kamparurbaj, por ĉeesti la ekzamenojn kaj samtempe por vidi la propran hejmon kaj sidejon de la bohema centro esperantista.

La ekzamenon faris: fraŭlino Františka Procházková el Král Vinohrady, s-o Fr. Dvorník el Radvanice (Silezio), s-o Hynek Černý el Chlumec kaj s-o Ot. Kočí el Kladno. Tri plenumis la ekzamenon kun sukceso tre bona, unu kun sukceso bona. Ĝis nun estas sume ekzamenitaj 34 kandidatoj.

(La proksima termino de ekzamenoj estos anoncita en la bohemaj jurnaloj kaj estos sciigita al la kandidatoj, kiuj petos informon ĉe la Komisio. Legu sur la pĝ. 66 artikolon pri la celo kaj signifo de la ekzamenoj.)

Por la lasta fojo kunvenis la kongresanoj **dimanĉon** matene en la kongresejo. Pro necesaj ŝanĝoj en la programo forveturis jam kelkaj gastoj kaj tiel okazis, ke ne estis prezentitaj paroladoj, kiujn ili anoncis. Sed malgraŭ tiu ĉi neantaŭvidita fakto estis la intima kunveno ne malpli interesa kaj ĝuste tial, ĉar ne estis sur la programo oficialaj paroladoj, povis prezenti siajn observojn kaj rimarkojn en formo de improvizitaj alparoloj niaj karaj gastoj s-oj K. Steier el Leipzig, Dr. K. Simonek el Chicago kaj A. Siebenschein el Wien.

La unua estas bone konata fervora laboranto el la vico de la plej malnovaj pioniroj por nia ideo, jam de dek jaroj atente sekvanta la movadon en Aŭstrio; liaj observoj povas do esti konsiderataj kiel de persono kompetenta. En sia parolo li akcentigas, ke estas nepre konfesota, ke en Aŭstrio estis Bohemoj la unuaj, kiuj propagandis efike Esperanton kaj ke ili hodiaŭ, unuiĝintaj en sia Centra Asocio B. U. E., marŝas senhalte en frunto de la movado. La plene kontentigaj rezultatoj de ilia laboro pruvas, ke ili estas modele organizitaj kaj ke ilia Unio estas bone administrata kaj gvidata de antaŭvidema komitato, kiu pro sia sindono kaj oferemo meritas plenan konfidon de ĉiu vera amiko de Esperanto. Li rekomendas uzi ĉi tiun okazon por proponi, ke la ĉeestantoj eldiru refoje sian aprobon de la ĝisnuna agado de la komitato de Unio kaj ke ili esprimu al ĝi plenan konfidon. Tiu ĉi propono estis unuanime akceptita kaj la spontanea brua aplaŭdo pruvis plej klare, ke la unuiĝinta Esperantistaro bohema ŝatas laŭmerite la laborojn de sia centro kaj ke ĝi plene konsentas kun la agadmaniero de la komitato ĝuste en la nuna situacio.

S-o Dr. Simonek alportas saluton de la amerikaj Bohemoj, inter kiuj Esperanto ankaŭ ne estas plu nekonata. Li esprimas sian ĝojon pri tio, ke li refoje troviĝas inter fratoj samgentaj kaj samideaj, kies modela laboro sur la internacia kampo devas esti alte ŝatata. Li promesas raporti en sia dua hejmo pri la ĝojiga disvastiĝo de Esperanto ĉe ni kaj esprimas sian admiron pri la rezultatoj de organizita laboro. Sub larmoj li finigas sian emocioplenan paroladon per la rezono, ke hodiaŭ li verŝajne estas por la lasta fojo en sia patrujo inter Bohemoj.

La simpatia amiko de nia nacio s-o J. U. C. Alfred Siebenschein el Wien, aplaŭde akceptita, diras elkorajn vortojn de saluto al ĉiuj kongresanoj. Rememorigante pri siaj okazintaj vizitoj al Praha, li atestas la vortojn de la antaŭ li parolintaj, ke la bohemaj

kluboj plenumas plenhonore sian taskon, gajnante aprobon kaj kontrovon de siaj laboroj ne sole en Aŭstrio sed ankaŭ fremdlande. Nun, kiam la potenca organizaĵo B. U. E. prenis sur sin la taskon aranĝadi ĉiujare siajn kongresojn, fariĝas tiuj ĉi tagoj vera festo de la bohema esperantistaro. Gratulante tiun ĉi manifestacion, li esperas, ke li povas esprimi dankon por la monoferema laboro al tiuj faktoroj de la Centra Asocio, kiuj ankaŭ ĉi tiun fojon prizorgis tiel bone la bezonajn laborojn preparajn. Li admonas refoje, ke la bohema esperantistaro gardu sian sendependan centron, kiu sola estas la nerefutebla atesto pri la vivopovo de nia ideo en Bohemujo kaj kiu sola povas nin inde reprezenti antaŭ la mondo. „Subtenu," li diris, „vian organizaĵon, por ke ĝi estu vere plej forta kaj povu doni al vi tion, kion vi por la propagando absolute bezonas kaj kion vi de ĝi postulas."

Ne dubante pri tio, ke la partoprenantojn interesos la sciigo pri aktualaj aferoj gravaj por la tuta nacio bohema kaj pri la projektata kaj parte jam utiligata interveno de Esperanto, la prezidanto raportas pri la en la lasta tempo efektivigitaj interrilatoj de Bohema Unio Esperantista kaj la londona Lord Mayor, kiu tiame estis vizitonta nian ĉefurbon. Li detale klarigis la evoluiĝon de tiuj ĉi rilatoj, ilian aplikiĝon kaj la sendube favorajn rezultatojn. (Vidu pĝ. 134.) Samsignifaj kaj ne malpli gravaj estas la rilatoj ekligitaj kun la Sokola Unio „Česká Obec Sokolská", kiu preparas, kiel konate, por somero 1912 la VI. Universalan Kongreson de Sokoloj. (Pri detalajoj kaj signifo de tiu ĉi kongreso ni raportas sur la pĝ. 147.) Flugfolio simila al tiu, kiun Unio dissendis al mil samideanoj fremdlanden en j. 1909 (pri la ĝenerala signifo de Sokoloj) estas preparata kaj ĝi traktos precipe pri la proksimiĝanta kongreso. Ĉiuj similaj entreprenoj al kiuj Unio disponigis siajn servojn peresperantajn, pruvis bone la praktikan signifon de Esperanto kaj akirigis al laboroj de Unio aprobon kaj simpation eĉ ĉe institucioj, kie oni tre singardeme akceptas ian novaĵon. Kompreneble Unio ne haltos ĉe la ĝisnunaj praktikaj aplikoj de siaj, neniam sufiĉmezure ŝateblaj internaciaj rilatoj kaj ĝi proponados senlace sian servon de peristo al ĉiuj institucioj, precipe al tiuj, kies signifo estas por nia nacia vivo, por la ĝusta informado de fremdlando pri ni, inter ĉiuj la plej grava. La diritaj konkludoj estis de ĉiuj per entuziasma aplaŭdo aprobitaj.

Ĉar neniu deziris plu paroli, proponis la prezidanto, ke oni per kanto de la himno finigu la kunvenon. La impreso, per kiu efikis ambaŭ kunsidoj kaj la vespera festo postlasos en ĉiu partopreninto argrablan rememoron. La tuta kongreso estis la plej bona pruvo pri tio, ke la bohemaj Esperantistoj komprenas la gravan signifon de sia centro, kiun ili dankas por la nuna disvastiĝo de nia lingvo en la landoj bohemaj.

**ČESKÝ KLÍČ ESPERANTA.**

*Právě vyšlo DRUHÉ vydání těchto nepostrádatelných propagačních brožurek, jichž bylo již rozšířeno 50.000 exemplářů v naší vlasti. Jsme jisti, že všechny kluby i všichni jednotlivci, jimž záleží na propagandě Esperanta, zásobí se větším počtem 5-hal. „klíčů", neboť nepatrná cena a bohatý obsah této publikace činí ji nejvhodnější pomůckou k informaci o stavbě našeho jazyka, podávajíc vedle mluvnice na 2000 kmenů slovníku. Text obálky jest obohacen o četné pokyny (výběr knih a pod.) Cena 50 ex. 2 K, 100 ex. K 3·50. Zásilky pouze za obnos předem zaslaný vyřídí redakce.*

# 50-JARA JUBILEO DE BOHEMA „SOKOL."

En la jaro 1912 pasos duonjarcento de post la jaroj, kiam la genia aŭtoro de la gimnastika sistemo sokola dr. Miroslav Tyrš kaj entuziasma, sindonema Jindřich (Henriko) Fügner metis fundamenton al la grandioza organizacio de la Sokolaro. Tiu ĉi, centrigita nun en la Slava Asocio Sokola, plenumas fervorege kaj kun la plej bela sukceso sian mision, dediĉitan al la korpa kaj morala edukado de la junularo, al altigo de la nacia konscio, al fortigo kaj subtenado de la progreso ne sole en la nacio bohema, sed ankaŭ en la tuta slava mondo. Por honorigi la noblanimajn fondintojn, por rememorigi siajn signifohavajn, senlacajn, fervorajn laboron kaj celadon, por montri la sukcesajn rezultojn de sia penado kaj por akceli la pluan prosperadon, aranĝos la Bohema Unio Sokola (Česká Obec Sokolská) dum la tagoj 28., 29., 30. de junio kaj la 1. de julio 1912 la VII. kongreson ĉiusokolan kaj samtempe la I. kongreson de la Slava Asocio Sokola.

En tiuj tagoj vizitos certe la slavan urbon Praha ne sole ĉiuj patriotaj, nacie konsciaj Bohemoj kaj frataj nacioj slavaj, sed ankaŭ la amika fremdlando, kiu klopodante pri la progreso kaj morala altiĝo de la homaro, rekonos nian laboron kaj venos ĝin festi en ĝoja nia rondo. Kunvenos ĉiuj amikoj, kiuj komprenis la grandan signifon de gimnastiko por la sana evoluiĝo de nacio, por fortigo kaj refreŝigo de ĝia spirita kreskado, venos ĉiuj, por vidi bildon de rava beleco, kiun scipovas elvoki la disciplinigita forto, kuniganta kaj potence liganta en mirinda harmonio vastegajn homamasojn, kiuj sentas, sopiras kaj laboras en konkorda unueco por la komuna, alta ideo.

La reĝa urbo Praha, centro de ĉiu bohema kaj slava movado, kunvenigos do dum ĉi tiuj tagoj de S. Petro kaj Paŭlo centmilojn da slava popolo. 1000 bohemaj societoj sokolaj el landoj de la Bohema krono, Mals. Aŭstrio kaj Germanujo elsendos minimume en nombro de 30.000 sian membraron kaj kun ili alrapidos miloj kaj miloj da bohema popolo el ĉiuj provincoj bohemujaj, moraviaj kaj sileziaj.

El Ameriko estos aranĝitaj specialaj karavanoj de amerikaj Bohemoj, kiuj superos ĉiujn ĝisnunajn. El Serbujo, Bulgarujo, Kroatujo, Karniolo, Galicio kaj Rusujo, kiuj landoj formas kun Č. O. S. (Bohema Unio Sokolo) unuecan Asocion de la Slava Sokolaro, estos aranĝataj specialaj kaj multopaj ekskursoj kaj plimulto da ili atingos milon da partoprenantoj.

Sed la nesupozita intereso por la kongreso de la Slava Sokolaro montriĝas ankaŭ ĉe la ceteraj nacioj. Precipe Francujo, Britujo, Italujo, Belgujo kaj Nederlando anoncis jam kelkafoje, ke ili multnombre partopros la signifoplenan feston.

Se la V. kongreso ĉiusokola en la jaro 1907, ĝia majstra organizado kaj brila procedo scipovis veki atenton de la tuta Eŭropo, ĝi certe estos superita de la jubilea kongreso en la jaro 1912 per eksterordinara ĉeesteco, kaj ankaŭ per sia riĉa kaj festa programo.

Kaj plenrajte, ĉar la Č. O. S. notas de la jaro 1907 neestintan kreskadon kiel de la societoj sokolaj, tiel ankaŭ de la nombro da membraro (je 50%); per multaj vizitoj al la slavaj landoj, kiujn partoprenis multe da centoj da membroj, precipe en Moravion, Serbujon, Bulgarujon kaj Kroatujon, ĝi naskis veran intereson por sia jubilea entrepreno kaj prave ĝojatendas reservan viziton de la slavaj fratoj. En ĉiuj ĉi tiuj landoj oni faras jam nun fervorajn preparojn al ekskurso en la urbon Praha kaj precipe la lastaj vizitoj al Serbujo kaj Bulgarujo (1910: 700 Bohemoj, 1911: 720) elvokis en tiuj landoj tian atenton, ke la „pilgrimo" al Praha en la j. 1912 fariĝos komuna celo de milmiloj da slavaj fratoj.

Rusujo, ĝis nun malproksima de la slava movado, kie nur lastjare estis fondita Rusa Unio Sokola, la unuan fojon aperos en Praha kun siaj organizitaj societoj sokolaj.

Ankaŭ en la fremdlando ĝuas la nomo de la bohema Sokolo famon la plej belan, kaj dignoplena partopreno de Č. O. S. ĉe la internaciaj vetekzercoj en Lucemburgo, Londono kaj Turino, same kiel ĝia partopreno ĉe kongresoj de francaj gimnastoj en Caen, de la belgaj en Bruxelles, de la nederlandaj en Haag, de la svisaj en Zürich k. t. p. certigis la reciprokan viziton kiel eble la plej grandnombran.

Sed la ĉefa momento estas, ke dum la VI. kongreso ĉiusokola okazos la I. kongreso de slava sokolaro, aranĝata de la Slava Asocio Sokola. Sekve de tiu ĉi decido ligas ĉiujn Slavojn la morala devo, partopreni senescepte la signifoplenan entreprenon de la Asocio, per kiu ĝi, reprezentanto de Slavaro, aperos antaŭ okuloj de la tuta Eŭropo, kiel unueca kaj disciplinigita tutaĵo.

La VI. kongreso ĉiusokola kaj la I. kongreso de la Slava Asocio Sokola en j. 1912, kiuj estas aranĝataj sub protektoreco

de la urbestraro de la reĝa ĉefurbo Praha, estos do okazintajoj de tutmonda signifo kaj superos la dimensiojn de ĉiuj ĝis nun aranĝitaj kongresoj, kaj prezentos al la tuta mondo kunvenonta pruvon de la nacia matureco, altigos honoron kaj dignecon de la bohema nacio antaŭ la fremdlando kaj plenigos sian popolon per fiero de forto.

(Nombro de bohema Sokolaro atingis en la jaro 1911 pli multe ol 100.000 membrojn kaj 1000 grupojn. De la lasta kongreso en j. 1907 la nombro pligrandiĝis je 36.109 membroj, inter kiuj 7786 virinoj.) *El „Samostatnost" n-o 218, tradukis P—a.*

# ESPERANTO KAJ VIRINO.

. . . Fine estas la virino liberigita el tiu ensorĉa rondo, en kiu tenis ŝin la antikva tradicio kaj la superstiĉo. Danke la gravan laboradon de bravaj virinoj, ŝanĝiĝas la ĝenerala opinio pri la virino. Hodiaŭ oni povas vidi la virinon en ĉiuj fakoj de la homa sciado. Eĉ al la movado de la internacia lingvo „Esperanto" la virinoj ne restis malproksimaj. Ili senbrue, silente laboras, ili propagandas kaj disvastigas Esperanton, revante pri la estonta paco de la homaro, per Esperanto efektivigebla. La pravecon de ĉi tiu espero mi volas pruvi.

Kiu ne konas tiun maldolĉecon, kiun alportas la komuna vivo de diversaj nacioj en unu regno, reciproke sin nekomprenantaj kaj tial malamantaj unu la alian! En nia regno estas aferoj tre malĝojaj. Ofte ni vidas tie ĉi, ke patriotismon oni identigas kun ŝovinismo. Kaj tamen ĉiu scias, ke ne estas patrioto tiu, kiu malamas aliajn naciojn, kiu deziras militon kaj ruinigon de aliaj. Sed bedaŭrinde ŝovinismo trokreskadas kaj venenas la tutan vivon, precipe la vivon politikan. Estas certa, ke ĉe tiaj cirkonstancoj povas bone prosperi nek la regno, nek la nacioj.

Estas nia devo forigi tiun teruran aperajon el nia publika vivo. Eble oni demandos: Ĉu povas tiel grandan forton, potencon posedi la virinoj? Jes virinoj povas tiel grandan ŝanĝon fari, nur ili devas bone kompreni siajn devojn.

Por havi ian influon je nia vivo, Esperanto devas eniĝi en familion kaj lernejon. Kaj tio dependas de la virinoj. Tute nature, ĉar kiu havas tie la plej grandan influon? — Certe la virino. Se la virino scios Esperanton, ĝian noblan ideon, certe ŝi povos eduki novan generacion, pli feliĉan kaj pli bonan, ol ĝis nun. Se ŝi, aŭ kiel patrino, aŭ kiel instruistino, kulturados en la infana animo kune kun la amo al sia nacio ankaŭ la estimon kaj komprenon por anoj de aliaj nacioj, certe ŝanĝiĝos nia publika

vivo, ĉar tiel malaperos la lasta ŝovinisto el la mondo. La novaj homoj poste penados forigi ĉiun socialan maljustecon kaj ili sopiros je fratiĝo de nacioj. — Ĝi ŝajnos nekredebla afero, ke iam homoj suferis pro la apartenado al iu nacio. Oni ne povos kompreni, ke iam — antaŭ nelonge — estis anoj, precipe de malgrandaj nacioj persekutitaj pro sia gepatra lingvo, bojkotitaj, turmentitaj, ke laboristoj pro tiu sama kaŭzo estis maldungitaj el servoj, elĵetitaj el loĝejoj k. t. p. Poste oni ne bezonos fondi societojn, kiuj gardus junularon antaŭ renegatiĝo. Ankaŭ neniam plu oni turmentos etan, infanan animon en lernejo, kie oni parolas lingvon nekompreneblan. Sed fariĝos mem videbla ordono kaj la publiko devos zorgi pri tio, ke ĉiu akiru la plej grandan gradon de klereco per la gepatra lingvo. Kaj tiel plenumiĝos revoj kaj idealoj de la plej grandaj pensuloj. Malaperos rasa malamo, ĉiuj homoj povos sin reciproke kompreni, ili estime rigardos la laboron kaj penadon de aliaj: „La popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian."

Eĉ tiu virino, al kiu la sorto difinis iri tute sole, preter familio kaj lernejo, akiros per Esperanto multe. Esperanta literaturo pliriĉiĝas ŝian sciadon. Per ĝi kleriĝos la virino kaj pli facile sekvos la tutvirinan movadon. Esperanto kunigos virinojn de egalaj pensoj, de egalaj penadoj en unu tutmonda virina asocio, kiu en estonteco solvos ĉiujn socialajn demandojn nur sur la fundamento de la justeco. Tiel kunlaboros la virino por tio, ke estu ĉiuj feliĉaj, kiuj aperos sur nia tero.

Estu en nia regno eĉ ne unu virino, kiu ne konas nian internacian lingvon kaj ĝian grandan signifon!

Faru ni tiel ne nur pro ni mem, sed pro la amo al la nacio — pro la amo al homaro! *Míla Bartáková.*

# ESPERANTA MOVADO INTER BOHEMOJ.

Publika propaganda parolado estis aranĝita de la prepara kongresa komitato ĵaŭdon, la 7. IX. vespere en la salono de Komerca Ĉambro en Praha. Kvankam estis projektataj paroladoj ankaŭ en la lingvoj germana kaj Esperanto, efektiviĝis pro kaŭzoj konataj sole la bohema, prezentita de s-o K. Procházka. Post li alparolis germane kaj en Esperanto la ĉeestantojn s-o J. U. C. Siebenschein el Wien.

**Praha.** La regulaj kunvenoj de la klubo „u Donátů" kunigas ĉiun vendredon 25—30 membrojn, kiuj profite aŭskultas la temojn esperante pritraktatajn. El la lastaj paroladoj ni citas speciale la belan kaj instruan: „La astronomia horloĝo en Praha" (s-o prof. Dr. V. Rosický). La membroj rakontas en la kunvenoj enhavon de la legitaj revuoj esperantaj. Tre sprite raportis pri la egiptaj pira-

midoj (el la „Revuo“) s-o A. Borovský, kiu akompanis la klarigojn per bildo surgluata. Serio da pluaj paroladoj estas projektata. La biblioteko gvidata de s-o J. Bohuslav estas reviziota kaj ĉiuj membroj estas petataj, ke ili redonu la verkojn, kiujn ili pruntepreniS antaŭ la 1. de oktobro. — En la lasta tempo vizitis nin f-ino L. Holt el Anglujo, s-oj Dr. Ostrowski el Jalta (Rusujo), unu el la plej malnovaj pioniroj, Ferri el Dalmatujo, Petr Török, R. Rajczy el Hungarujo, M. Nikolau, Dr. G. Robin kun familio, adv. A. Teodorescu el Rumanujo, Dr. Stanišič, adv. el Kroatujo, A. Brandl, M. Szymczak el Dresden, T. Hawlicek, Ing. Bergmann el Berlin, V. Rohlíček, W. Eckinger el Svisujo, G. Stolze el Stirio, E. Ulitzsch, instr. kaj f-ino Stubenrauch, instr. el Germanujo kaj „last not least“ nia amiko Siebenschein el Wien. — Inter la multaj kursoj, kiujn aranĝas ankaŭ la kluboj en ĉiuj kvartaloj (por la komencantoj), ni citas du kursojn elementajn kaj unu superan en la kancelario de Unio, kiujn gvidas s-o Kühnl, Zahel kaj Pech (pli frue s-o Veverka, kiu redaktadis la esp. rubrikon en „Národní Obzor“ kaj kiu forveturis nun en Rusujon). Ĉiusemajnan rubrikon en la nomita gazeto gvidas nun kancelario de B. U. E. Rimarkinda eldonaĵo, kiu favore traktas pri Esperanto, estas la praktika verko „Grégrova Příručka“ (laŭ modelo de Almanach Hachette). La redakcio akceptis tripaĝan artikolon vertikan de B. U. E. laŭ la konata propaganda flugfolio. En la ĵurnalo „Samostatnost“ aperis la 2. de novembro felietono kontraŭ Esperanto. Artikolo represita sur la pĝ. 136 estas respondo, kiun la redakcio rifuzis akcepti pro — laŭdire — polemika tono!! Alia respondo, skribita de la samaj aŭtoroj kiel nia artikolo, estis en „Samostatnost“ represita la 16. kaj 23. de novembro. — La **Laborista Asocio Esperantista en Praha** (sekcio de la Laborista Akademio) organizis la 9. de sept. kunvenon, ĉe kiu oni traktis pri la fakaj demandoj. Okaze de la kunveno estis eldonita propaganda flugfolio, en kiu oni akcentis la kaŭzojn kaj klarigis la motivojn, kiuj sekvigis starigon de tiu ĉi organizaĵo serĉanta tute novan vojon por atingi la celon diktatan per devizo de sociala demokracio. En kurso malfermita speciale por laboristoj sukcese instruas s-o J. Šídlo el Praha VIII. — Laborista Klubo en **Praha VII.** decidis en sia ĝen. kunveno vizitita de kvar membroj, ke ĝi ĉesos ekzisti. La membroj aliĝos al la Esperanta sekcio de la Laborista Akademio. — **Smíchov.** La kunvenoj okazas ĉiun mardon en la „Nacia domo“. — En la merkredaj kunvenoj de Esper. Klubo en **Žižkov** gvidas kurson s-o ing. Jar. Sitko.

**České Budějovice.** La 14. de Novembro vizitis la klubon delegito de la komerca ĉambro de Los Angelos s-o D. E. Parrish por prezenti en la komerca lernejo du paroladojn kun 200 lumbildoj pri Kalifornio. Ambaŭ paroladoj (la 15. kaj 16.) faritaj sub protekto de la loka Komerca kaj Industria Ĉambro plenmezure kontentigis la gastojn per sia riĉa kaj interesa enhavo; ili estis tradukataj bohemen de s-oj faka instruisto F. K. Svačina kaj instruisto J. Skřivan el Dubné. La oratoron salutis per rimarkinda parolo prezidanto de la Komerca kaj Industria Ĉambro s-o J. Procházka, kiu priŝatis la signifon de Esperanto por reciprokaj informoj de la tuta mondo pri la hejmo kaj aspiroj de malproksimaj nacioj. En sia saluta alparolo li komparis la signifon de Esperanto al signifo de presarto kaj deziris al ĝia propagando la plej bonan sukceson, kiun ĝi plene meritas. Lia parolado, kiun tradukis esperanten s-o Svačina, aperis la sekvantan tagon en la

lokaj gazetoj „Jihočeské Listy“ kaj „Budivoj“, kies redaktoroj akceptis la estimatan gaston. Tion, ke la paroladoj plenumis bonege la atenditajn esperojn, atestas, ke multaj tuj eldemandis pri nova kurso de Esperanto. Post la oficiala parolado ĉeestis s-o Parrish amikan kunvenon de la klubo. Flata estas lia rimarko, ke li trovis en Bohemujo la plej sincerajn samideanojn, inter kiuj plaĉas al li plej bone, inter kiuj li sentas sin kvazaŭ hejme. Bela atesto por la nelacigeblaj kursgvidantoj estas lia eldiro, ke neniu ankoraŭ li trovis tiom da Esperantistoj, kiuj parolus tiel flue nian lingvon, kiel ĝuste la membroj de la klubo kaj notis, ke por la bona rezultato oni devas danki la aplikitan metodon de instruado. La 19. vespere aranĝis la klubo trian paroladon de s-o Parrish en **Česká Křemže,** sub protekto de la urbo. La urbestro salutis la gaston, kiu parolis tiun ĉi fojon antaŭ la membroj de la tiea klubo kaj antaŭ multe da gastoj kunvenintaj eĉ el ĉirkaŭaĵo. Pro manko de loko multaj ne povis plu eniri en la salonon. Lia parolado, tradukata bohemen de s-o ĉefserĝento T. Plánský kaj de faka instr. s-o F. K. Svačina, refoje altiris al Esperanto multe da novaj adeptoj; finance eĉ morale alportis lia parolado rezultaton plene kontentigan. Post preskaŭ unusemajna restado en Č. Budějovice adiaŭis s-o Parrish siajn gastigantojn, forveturinte al München. Nia fervora samideano s-o Svačina, kies gasto li estis, estas plenkontenta pri la rezultato de klopodoj, kiujn li kun ĉiuj membroj de la klubo dediĉis al akcepto de la kalifornia samideano, certe neniam forgesota. — En la lasta tempo ricevis s-o Svačina leteron de inĝ. N. Kazi Girej el Manĝurio, per kiu li estas petata, ke li sciigu al la nomita informojn koncerne kurson, por instruado pri gimnastiko sokola, kiun volas vizitadi en Bohemujo unu sinjorino el Manĝurio por ke ŝi povu poste laŭ modelo de la bohema „Sokol“ ankaŭ tie organizi la korpedukadon. — La klubo en Č. Budějovice en kiu 30 membroj s c i a s paroli esperante, estis vizitita de f-ino L. Holt el Anglujo, kiu, akompanata de s-oj ĉefleŭtenanto Hollegcha kaj faka instr. Svačina, vizitis la urbajn vidindaĵojn; precipe la aranĝo de la boh. industria lernejo por knabinoj igis ŝin esprimi laŭdon pri la institutoj, kiuj superas koncerne la praktikecon, la institutojn anglajn. — Nova fabriko por krajoningoj, fondita sub la nomo „Graphium“ surhavas sur sia domo esperantan firmon kaj stampis laŭ permeso de nia Majstro unu specon de siaj mehanikaj krajoningoj „Esper. Krajono * Dr. L. L. Zamenhof“. (Prezo 1 K). Por la vintra sezono projektas fari paroladon pri Esperanto inter oficira korpuso s-o ĉefleut. Hollegcha. — **Kukleny.** La klubo aranĝis la 3. de decembro propagandan paroladon de s-o dr. Schulhof el Pardubice („Esperanto kaj nia publiko“) kun „akademio“, ĉe kiu partoprenis la kantistaj societoj „Libuše“ kaj „Vlastimil“ el Kukleny kaj „Záboj“ el Král. Dvůr. — **Pardubice.** S-oj dr. Fousek kaj dr. Schulhof malfermis en la knabina lernejo du publikajn kursojn, elementan kaj superan. En la unua 45 lernantoj sukcese progresas. Antaŭ la nova jaro estos en publika ekzameno decidite, kiuj el ili eniru en kurson superan. Kiel ni jam raportis, aperas daŭre en „Osvěta Lidu“ esperanta rubriko redaktata de s-o dr. Schulhof. Tiuj ĉi bohemlingve verkataj artikoloj alportas jam tre kontentigajn rezultatojn: la publiko kvazaŭ kutimiĝis atendi la regulajn informojn pri nia movado kaj oni povas gratuli la iniciatintojn, ke ili sukcesis gajni por nia afero lokon en tiel grava ĵurnalo. — En **Rokycany** loĝas nun nia sami-

deano s-o St. Balík, kiu pli frue ageme laboris por Esp. en N. Bydžov. Kurso baldaŭ estos malfermita. — En **Mikulovice** ap. Znojmo (Moravio) malfermis por 100 gelernantoj de la burĝa lernejo kurson pri Esperanto s-o faka instruisto J. Jeřábek. La kursanoj estas dividitaj je tri grupoj. Ni povas diri, ke tiu ĉi kurso de nia amiko s-o Jeřábek estas la plej granda ĝis nun en la lernejoj entreprenita. — **Vitkovice** (Silezio). Kun granda bedaŭro ni devas sciigi al ĉiuj amikoj, ke nia samideano s-o Jan Gabzdyl, prezidanto de la klubo, mortis la 12. X. Li estis tre ŝatata en la tuta ĉirkaŭajo pro sia laboremo kaj sincereco kaj vere nia afero perdas en li unu el la plej fervoraj pioniroj. Antaŭ dudek jaroj li okupiĝis pri Volapük kaj nun ellerninte nian lingvon, plej energie li kondamnadis ĉiujn provojn de teoriuloj pri rekonstruado de nia fundamenta, plene taŭga Esperanto. Al lia familio ni sendas en nomo de esperantistaro varman esprimon de kondolenco. — **Radvanice** (Silezio). Publika kurso estis malfermita per parolado la 29. X. en la lernejo (na Hranečníku) de la loka klubo esperantista; instruas s-o Fr. Dvorník. La kunvenoj okazas ĉiun sabaton en „Esperantejo“: antaŭ nelonge finiĝis la danclecionoj arangitaj de la klubo. — **Wien**. La vivo de la bohema klubo koncentriĝas en la kurso, kiun gvidas ĝia prezidanto s-o K. Macháček en la sidejo „Národní dům“ ĉiun vendredon (15 lernantoj). La 28. X. li havis propagandan paroladon en „Nár. dům“ de la X. distrikto por membroj de la societo „Sokol X.“ La rezultato estis tre bona: tuj 50 lernantoj enskribiĝis por nova kurso, kiun gvidos s-o Kouttník. Se Esperanto ebligos al la novaj samideanoj ekligi rilatojn kun Sokoloj sudslavaj, tio estos signo de venko en tiu ĉi filio de la plej granda bohema korporacio. — Kursoj estas malfermitaj de f-ino Fr. Procházková (el Praha) en **Řetenice**, de s-o Al. Pazdera en **Pelhřimov** kaj en la studenta societo esper. en **Praha VII.**

**Bohemoj en fremdlando**. En **Frankfurt M.** sekvas 17 kursanoj instruadon, kiu komenciĝis la 22. X. Ĉe la unua leciono parolis pri Esperanto prezidanto de la „Germana Labor. Asocio“ s-o R. Freudenberg kaj vicprez s-o M. Deutschmann. La kurson gvidas s-o A. Němec laŭ metodo de Kühnl. Laŭ la sama metodo oni instruas en **Chemnitz,** kie gvidas la kurson por 50 lernantoj s-o Hynek.

# Z CELÉHO SVĚTA.

**Předkongresní sjezd Esperantistů v Drážďanech.** Letošní hygienická výstava pořádaná ve městě, kde, jak známo, roku 1908 byl uspořádán s velikým úspěchem IV. Kongres, byla vhodnou příležitostí k tomu, aby soustředila příliv cizinců, kteří ubírali se ke kongresu do Antverp. Neúnavný výbor drážďanského klubu připravil jim slavnostní uvítání a uspořádal na jejich počest tři slavnostní dny na výstavišti, kde Esperanto bylo zastoupeno vlastní exposicí, největší dosud kde uspořádanou. Na programu slavnosti byly: společné návštěvy výstavy, propagační přednášky, divadelní představení, ples a veřejné cvičení Červeného Kříže

s výlučným použitím Esperanta; mnohým ze 400 účastníků byly tyto dny slibnou předehrou, jiným pak alespoň částečnou náhradou za to, co skýtá svým návštěvníkům kongres světový. Městská rada drážďanská v přesvědčení o nevyrovnatelném významu Esperanta k povznesení ruchu cizineckého přijala hosty svým zástupcem, který pronesl uvítací řeč esperantsky. (Nebude pro naše čtenáře bez zajímavosti zvěděti, že ve sboru městské stráže drážďanské 40 mužů ovládá Esperanto a užívá je v ústním informačním styku s cizinci velmi často.)

**Museum esperantských publikací.** Nedávno založená „Germana Akademia Esperantista Ligo", jejíž předsedou jest dr. Adolf Schmidt, universitní profesor v Berlíně, obrala si za úkol, vydávati vědecká díla všeobecného zájmu, a rozhodla se vydati jako první číslo bibliografického oddílu své knižnice, „Katalog knihovny (1888-1911) Jiří Davidova v Saratově". Každý Esperantista ví, co obětí přinesl Jiří Davidov, sbíraje a kupuje z literatury Esperanta vše, co mohl. Jeho sbírka jest pak tím zvláště cenná, že jsa jedním z prvních adeptů Zamenhofových, založil svou knihovnu v době, kdy první knihy, brošury atd., které vyšly v Esperantu aneb o něm pojednávaly, bylo ještě možno si obstarati. Tak setkáváme se v Davidově knihovně se vzácnými spisy, které není dnes možno si opatřiti ani za drahé peníze. Nebýti seznamu této knihovny, byla by naše znalost esperantské literatury velmi kusá.

První vydání vyšlo u Möllera & Borela v Berlíně r. 1908, toto pak druhé nákladem Hecknerovým ve Wolfenbüttelu r. 1911, a vykazuje proti vydání prvnímu značný vzrůst literatury esperantské, zaznamenávajíc vedle 2000 spisů na 5000 menších publikací, brošur, oznámení, oběžníků atd.

Obětavý pan Davidov zanáší se myšlenkou, svoji knihovnu, umístěnou dnes ve vzdáleném městě ruském, učiniti všeobecně přístupnou k užitku všech Esperantistů a vědy. Jsme vděčni našemu šlechetnému pracovníku, který ukázal, co může učiniti nezištná vytrvalost vzdělaného jednotlivce přes všechny složité obtíže. Jest povinností každého Esperantisty míti a rozšiřovati známost o tomto výborném propagačním prostředku, který dokáže každému pochybovači, že Esperanto nejen žije, ale že také nepochybně přemůže všechny překážky.

— *P-a.*

**Odborné spolky esperantské.** Naše světové kongresy stávají se stále významnějšími poskytovanou příležitostí, kdy mohou se stýkati stoupenci stejných snah, jimž nelze se tak snadno dohovořiti písemnou cestou o uskutečnění svých projektů. Každoročně scházejí se kongresisté ve zvláštních schůzích odborných, jichž množství i počet účastníků na nich každoročně stoupá. V příštích číslech přineseme krátký výtah ze zpráv o průběhu těchto schůzí.

Z četných **katalogů** vydaných poslední dobou v Esperantu, jmenujeme skvostně vypravený průvodce železniční společnosti Paris-Orléans. Žádejte o bezplatné zaslání! Adresa: Bureau du Trafic Voyageur Publicité 1. place Valhubert Paris. — F-a Hachette & Cie. v Paříži vydala **seznam** svých esp. publikací na rok 1912. Žádejte exemplář u B. U. E. (3-hal. známka).

# BIBLIOGRAFIO.

Dr. Fr. Nüchter: *Albrecht Dürer.* Esperantigita de Germana Esperanto-Asocio. Eld. Fr. Seybold en Ansbach. Germanujo. (93 pĝ. 27 × 35: unu kolora kaj 53 bildoj nigraj). Prezo K 4·80. Reprezentanto por Bohemujo kaj Moravio f-o Sarapatka en Praha II., Žitná ul. 561.

Ne mankas detalaj verkoj nacilingvaj por pli profunda studo de la famaj bildoj de tiu ĉi glora mezepoka majstro el Nürnberg, sed la artoamantoj sentis ĝis nun bezonon de nekara libro, kiu koncize kaj tamen klare kaj plenamplekse montrus la ĉefajn el liaj bildoj, klarigante ilian internan signifon. Libron de tiu speco eldonis f-o Seybold en la lingvo germana, kiu pro sia alta valoro fariĝis ŝatata de la artama publiko. Tial decidiĝis la firmo eldoni nun la esperantan tradukon da la sama verko, kiun preparis la G. E. A. kun nia eminenta stilisto esperanta A. Grabowski. Ĉiun bildon akompanas interesa klariga teksto, kies legado donas la eblecon laŭmerite priŝati la artisman talenton de Dürer. Ni ne bezonas aldoni, ke laŭ la lingva flanko la libro estas tiel perfekta, kiel ĉiu elirinta el sub la plumo de Grabowski aŭ G. E. A. La verko estas vere juvelo en nia literaturo, kiu plene meritas nian rekomendon. Ĝi efike helpas popularigi la arton kaj faras ĝin komuna propraĵo de la tuta civilizita homaro. Ni ne dubas, ke la Kristnasko estos la plej bela okazo, ĉe kiu oni povos utiligi la libron kiel indan donacon, per kiu estos farita plezuro al multaj samideanoj.

*Kalendaro esperanta 1912.* Eld. „Central-Verlag für Esperanto u. Stenographie G. m. b. H." en Magdeburg, Kaiser Fridrich-Str. 1. Sub titolo „365 tagolecionoj en Esperanto por memlernantoj" eldonis la nomita firmo tre rekomendindan ŝirkalendaron, kies apartaj folioj povas esti konservataj en speciala kovrilo por fariĝi libro, ĉar ĉiu folio surhavas sufiĉe da esp. teksto: rakontojn, anekdotojn, poemojn k. s. Januaro estas rezervita por gramatiko (por Germanoj), la ceteraj monataj por elekte interesa kaj amuza legaĵo. Dum unu tuta jaro oni povas sekve ĉiutage trovi materialon legindan kaj instruigan. La kalendaro kostas 1 Sm (K 2·40) kaj la kovrilo por la deŝiritaj folioj 60 hel. (11 × 16 cm). Ni ŝatus vidi ĉiujare tiun ĉi praktikan verkon, kiu meritas nian aprobon kaj laŭdon.

Paul Spaak: *Kaatje,* kvarakta teatraĵo. Trad. Dr. W. Van der Biest. Antaŭparolo de E. Verhaeren. Eld. Hachette & Cie. Paris, 19 bd. St. Germain. (14 × 19). Prezo K 2·50. Pri la enhavo de la libro legu en la raporto pri la antverpena kongreso; tie ĉi la teatraĵo dufoje estis prezentita, kompletiginte la serion de la

landoj, kiuj dum niaj kongresoj en tiu aŭ alia lando ebligas penetri en la teatran arton de la nacio gastiganta la kongresanojn.

*Portreta gravuraĵo de Dr. L. L. Zamenhof* (22 × 31). Eld. Esperanto-Propaganda Instituto" en Leipzig, Kaiser-Wilhelm str. 15. Prezo afr. Sm 0·85 (2 K). Fine ni havas artistan portreton de nia Majstro, kiu estas laŭ eldiro de Felix Zamenhof, la frato, la plej ĝusta eĉ la plej bela kiu iam ekzistis. Ĝi estas vera ornamaĵo de ĉiu Esperantejo kaj de la loĝejo! Ni konsilas al ĉiu turniĝi al la E. P. I. en Leipzig, kiun ni sincere gratulas. — La sama Instituto eldonas *10-spesdekan Biblioteken Esperantistan*, kies kvin ĝis nun eldonitaj kajeroj pruvas, ke la redakcio trovis la manieron, kiel liveri al la esperantistaro malkaran legaĵon pri ĉiuj interesaj temoj de la homa spirito. La temoj pritraktitaj estas: N-o 1. L. L. Zamenhof: *Kongresa parolado en Washington.* N-o 2. Prof. P. Christaller; *Propraj nomoj en Esperanto.* N-o 3. H. Heine: *Libroj de Kantoj*, trad. Zamenhof, Belmont k. a. N-o 4. G. Gautherot: *Esperanto kaj Ido;* trad. L. E. Meier. N-o 5. Prof. Marcel Finot: *Vidaĵoj de Senlimo.* Orig. verkita. Prezo de ĉiu n-o 24 hel. — Abono je 10 n-oj afr. K 2·40. Rabato al kluboj.

*Tre multaj eldonaĵoj estas recenzotaj en la proksimaj numeroj. Manko de loko devigas nin raporti pri ĉiuj pli malfrue.*

**KORESPONDANTOJ:** *81. Hollanda rondeto de kelneroj dez. kor. kun bohemaj samprofesianoj. Grand Hôtel „Coomans" en ***Rotterdam***, Nederlando. — *82. S-o P. Janssen, Nieuwendytt 183. Amsterdamo, Nederlando (dez. ricevadi el Bohemujo esp. artikolojn, kiujn li tradukados kaj publikigos en la lokaj nacilingvaj gazetoj). — *83.–85. S-oj Nikolao Petrov, Mikaelo Sapoŝnikov, Al. Podolskij. ***Niĵni Novgorod***, Za Ostrog Nova Strojka Zproezd domo 17. Rusujo. — *86. S-o Herbert Harris, 730. Congress St. ***Portland*** Maine, U. St. Ameriko. — *87. F-ino B. Rocabert, Mayor de San Pedro 2. ***Tarrasa***, Hispanujo (p. m.). — *88. S-o J. Molins, Poniente 9. Sabadell-***Barcelona***, Hispanujo. — *89. S-o Eug. Bouché à la Forêt de Garde par ***Bagnères de Bigorre*** (Htes Pyr.), Francujo. — *90. F-ino Bertholle, Cèret (Or. Pyr.). Francujo (posedas francajn diplomojn, instruas pri la franca lingvo koresponde. Prezo ne alta). — *91. S-o Paulo Zaharov, Rovalska 25, ***Niĵni Novgorod***. Rusujo (il. k.). — *92. S-o Tanusz Grosskowski, ***Warszawa***, Grzybowska 41. (dez. kor. kun bohemaj studentoj). — *93. S-o Rud. Honomichl, ***Omaha***, Neb. (Gen. Del.) ***U. S. A.*** (pri socialisma movado, inf. pri fremdlando; il. k.: ĉiam resp.). — *94. S-o Ing. V. Dmitrijev, ***Peterburgo***, Kolomenskaja ul. 22., Rusujo. — *95. S-o W. E. Currie, Milton. P. O Box 24., ***Otago***, New Zealand (kor. kun ĉiu; preferas il. k. kun portretoj de belulinoj). — *96. S-o Joh. Vilardell, ***Sabadell***, str. Poniente 11., Hispanujo (il. k.). — *97. S-o Jos. Morand, Rennes, rue st. Melaine 2. Ille et Vilaine, Francujo (il. k.) — *98. F-ino Hede Helm, mag. oficistino, ***Gera*** (Reuss), Leontinenstr. 4., Germanujo. — *99. S-o Vincente Echarando, ***Baracaldo***, Vizcaya, Hispanujo. — *100. S-o Kazimir Kovalski, fabriko de Cemento „Klucze" ***Rabsztyn***, stacio de Vistula fervojo, Ruslanda, Polujo, (il. k.). — *101. F-ino W. M. Berry, 177. Don Street, ***Invercargill***, New-Zealand (il. k., p. m.: ĉiam resp.). — *102. S-o E. Crago ***Mulwala***. New-South Wales. Aŭstralio (il. k. m. ĉiam resp.). — *103. S-o N. D. Ghosch ***Bhagalpur***, Brit. India (p. m., il. k.).

---

**Eldonanto: Ed. Kühnl.** — Presejo de Národní tiskárna a nakladatelství, společnost s r. o. v Praze.